

# ESPERANTO



OFICIALA ORGANO DE LA UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono. . . . Sm. **4.—**

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = 1/2 dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

**REKLAMO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 paĝo . . . . | Sm. **100.—** | 1/4 kolono . . . . | Sm. **7.—** |
| 1 kolono. . . . | » **25.—** | 1/8 » . . . . | » **4.—** |
| 1/2 » . . . . | » **13.—** | 1/16 » . . . . | » **2.50** |

25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj

Ĝeneralaj Agentoj : G. WARNIER, 15, Rue Montmartre **Paris-2e**
C. A. G. BROWNE, 53, Wych Street, **London W. C.**

## La Agado de U. E. A.

Kelkajn tagojn antaŭ la malfermo de la IVa Kongreso kaj por respondi diversajn demandojn, konvenas resumi la ĝisnunan agadon de Universala Esperanto-Asocio kaj ĵeti rigardon al ĝiaj estontaj planoj kaj projektoj. Niaj legantoj rememoras, ke la ideo pri la neceseco de internacia organizajo esperantista estis unuafoje esprimita ĉi tie, sekve de konataj okazintajoj, kiuj al ni montris tre klare, ke nia afero estos ekster danĝero nur tiam, kiam ĝi estos starigita sur fortika materiala fundamento, ke ju pli grava estos tiu fundamento, des pli prosperos kaj elradios nia movado kun ĉiuj ĝeneralaj konsekvencoj, kiujn ĝi havas en si. La lingva demando, pri kiu tro da homoj sin ankoraŭ nun okupas, estas nur flanka afero ; ĉefa afero estas la uzigado kaj utiligado de tiu ilo, kies nomo estas Esperanto. Por tiu celo estis speciale fondita Universala Esperanto-Asocio, ĉar la sperto montris, ke en tiu direkto nenia serioza kaj daŭra laboro estas farebla sen forta internacia organizajo, kiu kolektos en vasta fasko ĉiujn homojn, kiuj, pro sia partopreno en la internaciaj rilatoj kun siaj kunhomoj, bezonas Esperanton kaj volas ĝin uzi.

Ĉu el trimonata eksperimento ni povas jam eltiri sufiĉe precizajn konkludojn pri la utileco de U.E.A. en la movado de Esperantismo ? Ĉu la realajo respondis la esperojn de la iniciatintoj de la dirita organizajo ? Tion povas respondi nur faktoj. Kompreneble, ne en tia mallonga periodo, povas plene kreiĝi tiel vasta organismo, kiel devas esti U.E.A. sed jam nun la ĉefa trunko estas starigita kaj al ĉi tiu trunko sin iom-post-iom aldonos novaj branĉoj, laŭ tio ke ĝi plidikiĝos kaj plifortikiĝos. De la 1a de Majo, dato de oficiala fondo de U. E. A., ĉirkaŭ 200 grupoj en 150 malsamaj urboj, regule elektis Delegitojn ; plie en 100 lokoj, ekzistas nun Subdelegitoj, kiuj, laŭ la organizo de U. E. A., klopodas por helpi la Delegitojn kaj laŭbezone liveri informojn pri sia loko al Esperantianoj. Do, praktika rezultato, en jam 250 lokoj de 18 diversaj landoj, Esperantiano povos ricevi ŝatindajn servojn, ĉu informojn pri regionaj aferoj, ĉu helpadon dum vojaĝo kaj trapasado, post simpla prezento de sia membrokarto. Tiuj nombroj ĉiutage pligrandiĝas, kaj oni facile povas antaŭvidi la tagon, kiam tra ĉiuj lokoj, kie nun estas unu aŭ pluraj Esperantistoj, etendiĝos la maŝaro de la Delegitoj kaj Subdelegitoj de U. E. A. La nombro de la Esperantianoj, t. e. anoj de U. E. A. pagintaj sian kotizajon, jam superas 1300, kio estas konsiderinda rezultato, rilate al la malfavora sezono por nia agado kaj diversaj aliaj neevitablaj malhelpoj. Jen estas fakte kelkaj ĝojigaj kaj promesplenaj rezultatoj, kiujn ni ŝuldas al multaj sindonaj kunlaborantoj, konataj aŭ malmulte konataj, kiuj, komprenintе la necesecon de internacia organizajo por certigi la venkon de nia afero, komencis fervore agadi por ĝi, laŭ la preparita plano.

La unua tasko, kiun trudis al si la iniciatintoj de U. E. A., krom ĝia interna organizado, estis la starigo de Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj en kiel eble plej multe da lokoj. En tiu rilato ankaŭ ŝatindaj rezultatoj estis atingitaj. Esperanto-Oficejoj kreiĝis en multaj urboj, kie ili ne ankoraŭ ekzistis ; diversfakaj konsuloj estis elektitaj por plenumi la servojn, kiujn U. E. A. organizos por siaj ĉiufakaj anoj ; Esperante redaktitaj gvidfolioj kaj gvidlibroj, kiuj celas liveri la plej urĝajn informojn al la trapasantoj aŭ per Esperanto konigi sian regionon al eksterlandaj samideanoj, estas nun publikigataj ; tiu literaturo, kiu baldaŭ enhavos multajn libretojn, multe helpos al la disvastigo de Esperanto en la praktikajn rondojn. En la celo faciligi la veturadon de la Esperantistoj al nia ĉiujara kongresa manifestado, la fako Turismo prenis sur sin la organizon de karavanoj, kiuj kondukos la diversregionajn Esperantistojn al la kongresurbo, trapasos la urbojn, kie ekzistas Delegitoj de U. E. A. kaj uzos iliajn servojn dum sia restado. Fine, por konigi al la neesperantista publiko la fondon kaj agadkampon de U. E. A., ni aperigis per niaj Delegitoj saman artikolon en tre grandan nombron da lokaj gazetoj, kiuj, racie uzataj, povas tre utile helpi al nia afero. Tie, ankaŭ, faktaj artikoloj montrantaj la nunan utilecon de Esperanto, eĉ kompare malgrandan, multe pli valoras kaj efikas al la publiko, ol gravaj disertacioj pri la problemo de lingvo internacia kaj la estonta utileco de tia ilo. Jen, rapide skizita, la laboro efektivigata en la daŭro de la lastaj tri monatoj — laboro, kiu estus tute neebla sen internacia organizajo starigita kiel U. E. A.

Kia nun estos la agado de U. E. A.? Ĝi unue klopodos ĉiam plivastiĝi, elektigante Delegitojn kaj Subdelegitojn en kiel eble plej da lokoj, pligrandigante laŭproporcie la nombron de siaj anoj ; en alia rilato, ĝi daŭrigos la sisteman organizon de Konsularo kaj Oficejoj, tiamaniere, ke ĉiu loko nepre havu, krom sia Delegito, diversfakajn konsulojn, kiuj povos liveri ĉiuspecajn servojn al niaj anoj. Fine, rilate al turismo, U. E. A. komencos metodan agadon, ĝis nun ne ankoraŭ internacie entreprenitan, ĉe la hotelistoj, instigos al la publikigo de gvidlibroj per Esperanto, organizos kiam estos utile ekskursojn kaj karavanojn de Esperantianoj, ĉu okaze de festoj Esperantistaj, ĉu okaze de manifestado havanta internacian karakteron, Esperantistajn libertempajn koloniojn, kie kelkan tempon kunloĝos amike diversregionaj Esperantianoj, k. t. p. En tiu kampo la praktikaj aplikajoj estas sennombraj kaj jam nuntempe oni povas ricevi interesajn rezultatojn.

Dua tasko : U. E. A. kreos novajn fakojn por respondi difinitajn bezonojn, nome fako por komerco, industrio kaj dungado, kiu estos ĉiuloke reprezentata de speciala konsulo kaj konsekvence fariĝos iom-post-iom kvazaŭa internacia komerca ĉambro kaj centrejo havanta filiojn en plej diversaj regionoj, kaj fako por instruado de Esperanto, kiu lasante plenan liberecon kaj iniciaton al la ekzistantaj societoj, penos kunligi internacie la elementojn liveritajn de la kursoj, krei specialajn sankciojn, zorgi, ke multaj personoj ĉiujare instruataj pri Esperanto, ĉiam pli kaj pli interesiĝu al nia afero ne nur pro amo al ĝi, sed pro la utileco, kiun ili ricevos de ĝi, organizigi specialajn kursojn por tiuj homoj, kiuj pro siaj aferoj pli rekte kaj tuje bezonas Esperanton. Fine, sed en iom pli malproksima tempo, aperos proponoj pri kreo de Esperantista banko, Esperantista papermono, Esperantista mutualo, kiuj, kiam nia Asocio fariĝos tre forta, povas liveri nekalkuleblajn servojn.

Jen staras antaŭ niaj okuloj vastega tasko. Por ĝin iom-post-iom plenumi, ni posedas organizitan fundamenton, ion jam ekzistantan : Universala Esperanto-Asocio, kiu celas kunigi ĉiujn homojn, kiuj uzas aŭ deziras uzi Esperanton. Tiu tasko estas, laŭ nia opinio, pli grava rilate al nia afero, pli necesa rilate al la sintenado de la publiko, konsekvence de la « mondo », ol la lingvaj diskutoj kaj serĉo al pli bona, pri kiuj sin nun vane turmentas iuj el niaj samideanoj. Ni konscias pli kaj pli forte, pli kaj pli klare, ke la vojo, kiun ni nun sekvas kaj al kiu ni instigas la Esperantistojn, estas bona, kaj plej certe nin kondukos al la iompostioma realigo kaj enkorpigo de la ideoj sociaj kiujn Esperantismo alportis kun si.

H. HODLER.

# TRA LA MONDO

## POLUJO

Varsovio, Julio 1908.

Varsovio senhomiĝis. Ĉiu, kiu povis, forlasis la ĉefurbon por iom ripozi post jara laboro, por pripensi en trankvileco de vilaĝo pli gravajn aferojn, okazintajn en la lasta tempo. Kaj ekzistas multaj demandoj, proksime tuŝantaj la Varsovianojn, sed precipe nun du estas diskutataj de ĉiuj : elektra tramvojo kaj la unua supera lernejo sendependa de la rusa registaro, t. e , subtenata de propraj rimedoj de Poloj. Kvankam dum nunaj semajnoj post la malfermo de la linioj la tramveturigistoj mortigis tro multe da trankvilaj loĝantoj (meze 2 homoj mortigitaj aŭ vunditaj) sed ĉiuj, vidante vere belajn vagonojn rapide moviĝantajn per la stratoj, restas kontentaj kaj fiere pensas : « De nun, Varsovio estas vere Eŭropa urbego. Ni havis ĉion, kion havas ĉiu granda urbo : belajn konstruajojn en la centro, kaj mizerajn dometojn aŭ ĝojigantajn palacetojn en la antaŭurbo ; havis ĝardenojn, monumentojn, teatrojn ; havis filharmonion, unu el la plej bonaj en Eŭropo, grandajn magazenojn, elektran lumon, luksajn hotelojn kaj restoraciojn ; havis kabaretojn, kie regis duonmondulinoj ; havis senĉesan bruon, aristokration, riĉulojn kaj centojn da mizeraj sendomaj homoj — nur elektra tramvojo mankis al ni kaj — universitato. » Unua jam estas, oni devas nur krei la duan. Estas iom strange aŭdi, ke urbo, havanta preskaŭ milionon da loĝantoj, ne havas sian propran universitaton, sed oni devas konfesi, ke en tio ne Poloj estas kulpaj. Ni preferis havi nenian ol havi malbonan. Vere, universitato ekzistis en Varsovio, sed instruado en ĝi estis sur la lasta loko, la unuan okupis la... politikado, kaj plej fervoraj politikuloj estis ne studentoj, sed iliaj profesoroj, penantaj rusigi tutan aŭskultantan ilin junularon. Ili ne celadis devigi polajn junulojn forlasi sian religion aŭ lingvon (kvankam senĉese revis pri tio kaj estus tre feliĉaj, se tio ĉi okazus), ili nur volis mortigi en iliaj animoj ĉiun penson pri libereco, pri sia malfeliĉa nacio, pri ĉio, kio estis freŝa, pli juna. Ili pensis : « ni mortigu en ili nur polan animon kaj tiam ili mem fariĝos rusoj. » Plej bona atesto de tia instrumaniero kaj plej bona ĝia kritiko estas en ĵus eldonita broŝuro de profesoro Dubrowskij (ruso) [1] kiu, estinte mem profesoro de Vars. Univ. konas bone la aferon kaj juste ĝin priskribas. Fine studentoj mem ne volis toleri politikadon de tiaj profesoroj kaj proklamis en februaro de la jaro 1905 bojkoton de Vars. Univ., postulante anstataŭe universitaton nacian sed antaŭ ĉio pli liberan kaj tute sendependan de la polico. Tiuj postuloj, kiel facile oni povas antaŭvidi, ne estis akceptitaj de rusa registaro, kaj ĝis nun estas fermita, profesoroj politikaj inter « vere rusaj homoj » tiel nomataj « nigrocentuloj » kaj tuta vivo studenta mortis, ĉar la supera politeknika lernejo samtempe ankaŭ estis fermita.

Tamen pola societo ne ĉesis pensi pri la supra edukado de siaj infanoj. Unu jaron post la fermo de l'Universitato, kelkaj eminentaj, kleraj homoj, bonaj regnanoj, decidis aranĝi tiel nomatan « Liberan universitaton » (Université libre aŭ nouvelle en Brusselo) kiu ne donos diplomojn havantajn rajtojn en la rusa imperio, sed donos instruadon kaj sciencon, — aliaj homoj kreis tute bone organizitan superan komercan lernejon.

En unua jaro okazis la nuna disdonado de atestoj al la studentoj. Estis tre kortuŝanta sceno, kiam princo Lubomirski, prezidanto de la komitato, gratulis la unuajn junulojn, posedantajn « senvalorajn » polajn diplomojn, deziris al ili, ke ili faru ĉion kion la patrujo kaj la samnacianoj atendas de ili. Poste parolis ankoraŭ direktoro prof. Zielinski, kiu estis samtempe iniciatoro de la lernejo, kaj tre varmege adiaŭis studentojn-kamaradojn prof. Wajberg.

Ĉu estas strange, ke ni, kutimiĝintaj de 40 jaroj aŭskulti malamajn vortojn kaj en fremda lingvo, sentis larmojn, aŭdinte profesoron parolantan al siaj lernantoj : « Ne forgesu batali kontraŭ ĉiu malbono kaj maljusto, kontraŭ ĉiu malsaĝo kaj senhonto, kaj ne forgesu vin, same kiel mi vin ne forgesos ! » Tiel do en la kampon de nia komerco eliris novaj homoj, speciale instruitaj, konantaj tre bone ĉion, kion nia lando posedas, kaj kion ĝi bezonas, kiuj povas multe helpi en serĉado de novaj vendejoj kaj aĉetejoj pro interproksimiĝo de poloj kun francoj kaj bohemoj.

TADA.

[1] « Oficiala instruado en regno pola », prof. M. Dubrowskij.

## USONO

Newton Centre, Julio 1908.

En lastaj jaroj la urbo Boston rapide akiradas reputacion kiel unu el la plej taŭgaj urboj en Usono por la kunveno de la multe diversaj asocioj, profesia, metiista, socia, k. t. p. ; kaj, ĉiujare, en ĝiaj limoj kunvenas unu, aŭ plimultaj tiaj asocioj, kies anoj hejmen reiras kantante la laŭdon de Boston kiel plej gastama urbo. Ne sole ĝi estas konvena al la grandaj asocioj, sed al la individua vojaĝanto, aŭ grupeto da vojaĝantoj, ĝi ankaŭ prezentas multe da allogajoj, pro ĝiaj propraj multaj intereslokoj, ĝia intima asocio kun la grava frua historio de la nacio, kaj kiel oportuna centro, en kiu oni povas en la daŭro de kelkaj horoj atingi la centojn da gastejoj inter la multaj lokoj de nia bela Nova-Anglujo, kiuj ĉiusomere estas plenigataj de miloj da libertempaj turistoj, — multaj el diversaj partoj de Usono, — kelkaj el la transoceanaj landoj. Skribante pri la allogajoj de tiu urbo, oni estas embarasata, ne pro manko de temoj, sed ja pro la riĉeco de materialo, kaj oni preskaŭ ne scias kie komenci, nek fini la priskribon. Fondita en la 1630a, de malgranda bando de Puritanoj el la urbeto Salem, kiu antaŭ kelkaj jaroj estis loĝigata de ili, la urbeto Boston ĝis la nukleo de la nuna grava urbego kiu enhavas pli ol duonmilionon da loĝantoj, plenigas amplekson de kvardek kvadratmejloj, kiu estas la plej grava, kiel ankaŭ la plej granda urbo en Nova-Anglujo ; — vera centro de komercado, edukado, kaj kulturo. La akvoflanko de Boston etendiĝas laŭ dumejla spaco, kaj ĝia propra haveno enhavas amplekson da sepdek-kvin kvadratmejloj. Pro ĝia internacia komercado ĝi rangas due post New-York, kaj, kiel centro de interna industrio ĝi estas unu el la gravaj urboj sur la orienta marbordo. Ĉirkaŭ la urbo mem estas multaj aliaj urboj kaj urbetoj, kiuj tiel apude atingas ĝin, ke, ili formas verŝajne, unu grandan urbon, kiu enhavas kelkajn milionojn da loĝantoj, kaj kiuj, esceptinte la fakton ke ili havas apartajn administraciojn urbajn, verdire formas la ofte tiel diritan « Pli-Granda-Boston'on ». Al la loĝantoj de ĉi tiuj urboj ĝi provizas la grandajn maga-

zenojn, vendejojn kaj komercan laborkampon, kaj siavice la diritaj urboj kaj urbetoj provizas hejmojn al la familioj de la multenombraj Boston'aj aferistoj. Laŭ la apuda marbordo, en ĝiaj ĉirkaŭurboj, kaj meze de multe el la apudaj urboj estas sistemo de parkoj kaj rezervajoj, kunligataj de larĝaj bulvardoj, kiu en la daŭro de tempo, — se ne ĉe la nuna momento, — estas la plej granda kaj bela parkaro en la mondo; ĉi tiu sistemo enhavas diversecon de naturpejzaĵo: marbordon, riveron, rivereton, lageton, kaj arbareton.

La urbo estas dividata en du porcioj; la malnova parto, vere araneaĵo da mallarĝaj, tordaj stratoj; la ja malespero al la fremdulo, kie sin trovas miksaĵo da malnovaj konstruaĵoj kun la pli modernaj ĉielskrapantoj kiuj pro la landvaloro pli kaj pli anstataŭigas la iamajn pli modestajn konstruaĵojn. Tiu ĉi kvartalo ankaŭ enhavas la faman « Norda-Fino » antikve la loĝloko de la aristokratiaj urbanoj, sed nune fordonita al la pli malriĉa porcio el la fremda loĝantaro. La pli nova parto de la urbo estas pli regule kaj pli bele aranĝita, kaj ĉi tie sin trovas la rapide kreskanta kolekto da belaj publikaj konstruaĵoj kaj la domoj de la riĉuloj.

Boston estas facile atingebla, ĉar al ĝia haveno venas tri gravaj transoceanaj ŝiplinioj: Cunard, White Star kaj Leyland. Krom ĉi tiuj estas multaj aliaj linioj de transoceanaj ŝarĝvaporŝipoj. Estas sennombraj aliaj ŝiplinioj kiuj el Boston trafas ĉiujn gravajn havenojn laŭ la orienta marbordon, de Florida ĝis Brita Ameriko, ankaŭ la diversajn insulojn sur la Atlantika Oceano kaj kelkajn el la Sud-Amerikaj havenoj. Ĉe la du grandaj stacidomoj, la norda kaj la suda, trafas la urbon multaj gravaj fervojaj sistemoj, el ĉiuj partoj de la lando kaj Kanado, kaj se oni teren falus el ĉielo en spacon inter dudek mejloj de Boston, oni preskaŭ nepre sin trovus inter la reloj de unu el la sennombraj elektro-tramvojoj kiuj formas veran labirinton, kaj per kiuj oni povas seninterrompe veturi tra kelkaj centoj da mejloj, laŭ preskaŭ kia ajn direkto.

Do vi deziras viziti ĉi tiun interesplenan regionon, sinjoro! Nun, dum kelkaj tagoj mi havos libertempon kaj mi ĝoje gvidos vin. Kie ni loĝos? Tio dependas de vi. Kiom profunda estas via monujo? Ni povos lui luksan ĉambraron ĉe unu el la belegaj hoteloj, — por kiom granda prezo mi timas diri, — ni povos ankaŭ elekti inter multe da pli malkaraj hoteloj, kie oni povas tute komforte loĝi po kosto da Sm. 2 ĝis Sm. 6 ĉiutage, havante unu aŭ du ĉambrojn; aŭ, ni povas nin lokigi en hotelo je la amerikana plano (loĝado kaj manĝoj) po Sm. 4 ĝis Sm. 7 ĉiutage. Ni povus trovi ankoraŭ pli malkarajn hotelojn, sed tiuj pri kiuj mi parolis estas tute dezirindaj, kaj mi ne konsilus ke ni nin konfidu al vere duaklasa hotelo. Post ĉio, ĉar ni intencas multe vojaĝi el la urbo, eble forestante dum kelkaj noktoj, nia pli bona plano estos ke ni serĉu ĉambron en unu el la privataj loĝejoj. Sen ia malfacileco ni trovos en tre respektinda parto de la urbo, komfortan, bone mebligitan ĉambron, tia, kia en la lerneja sezono oni luigas al unu el la multenombraj studentoj kiuj ĉeestas ĉe la diversaj edukadaj institucioj en la urbo. Por tia ĉambro ni pagos Sm. 8 ĝis Sm. 12 ĉiusemajne. Pri niaj manĝoj ni povos laŭdezire aranĝi, ĉar estas troveblaj tute tra la urbo ĉiuspecaj restoracioj kaj manĝejoj, en kiu ni povos aĉeti manĝon laŭ prezo de Sd. 50 ĝis Sd. 150, kaj se iam ni ne multe malsatiĝas, ni povos eniri lunĉejon, kie ni povas po malgrandprezo laŭkarte aĉeti bulkojn, viandbulkojn, kukojn, pasteĉojn, lakton, teon, kafon, kakaon, k.t.p.

Cion ĉi aranĝinte, ĉar vi ankoraŭ estas iom laca pro via vojaĝo, ni ne serĉos ian amuzejon por ĉi tiu vespero, sed enirante tramon ni veturos en la apudan kamparon, trapasante la belajn urbetojn, vidante la komfortajn kaj eĉ luksajn hejmojn de la loĝantoj, ĝardenojn, farmojn, lagon kaj riveron; kaj la dolĉa vesperaero refreŝigas nin, kaj nin preparas por bona noktripozo.

Hodiaŭ, estos pli bone se mi donos al vi ĝeneralan ideon de la urbo. Ce ia stratangulo, apude je nia loĝejo, staras aŭtomobilego kiu portas la signon, « Seeing Boston » (vidante Boston'on). Ni tiun eniras, sidiĝas sur unu el la transbenkojn, kaj, dum kelkaj horoj vagadas tra la diversaj partoj de la urbo, kaj la konduktoro el la antaŭflanko, mallonge priskribas tra megafono la diversajn intereslokojn kiujn ni laŭvice trafas. Mi ĝojas ke vi ne bone komprenas mian lingvon, ĉar la traduko de lia parolo donos al mi la multe bezonatan pratikon, pro manko de kiu ni Usonoj multe suferas. Mi ne ĉi tie priparolos la vizitajn lokojn, ĉar mi ne intencas skribi al vi gvidlibron, nure citi sufiĉe da sugestoj por ke vi povu diveni kiom dezirinda estos vizito al nia urbo.

Pottagmezon, ni veturos per tramo, trans la rivero Charles, en la urbo Cambridge'on, kie ni vizitas la Universitaton de Harvard kun ĝiaj multaj konstruaĵoj kaj ĝia bela kampo, pasigante kelkajn horojn en la Agassiz muzeo, kiu enhavas multevaloran kolekton de ĉiuspecaj objektoj; la muzeo de belartoj, kaj la ĉambraroj de la studentoj sur la kampo. Ni ankaŭ vizitas la luksajn konstruaĵojn privatajn, — la loĝejojn de la filoj de la milionuloj, por kiuj la kolegia kurso estas pli socia ol eduka afero. Antaŭ ol foriri el la urbo ni vidos la virinan kolegion « Radcliffe »; la domon kie antaŭe loĝis nia glora poeto Longfellow, kaj ni momente staros sub la branĉoj de la antikva ulmo, kie en la 1776$^{a}$ generalo Washington akceptis la komandon de la amerikana armeo. Revenante al la urbo, ni vespere ĉeestos unu el la teatroj laŭ via elekto.

(*Daŭrigota*). C. Fessenden.

## Kroniko Politika

La vojaĝo de prezidanto Fallières ĉe la nordaj regnoj kaj lia renkontiĝo kun la imperiestro de Rusujo ne elvokis multe da komentarioj. Tiuj renkontoj estis vizito de diplomatia ĝentileco kaj naskis la ordinarajn ofte ripetitajn tostojn al amikeco kaj paco tutmonda.

Dume, en Francujo, okazis serioza batalo inter la armeo kaj la strikantoj, direktitaj de la potenca Konfederacio de la Laboristaro. La sango fluis kaj rezultis unutaga ĝenerala strikado. Je tiu okazo, oni instigas la registaron, ke ĝi forte agu kontraŭ la nomita Konfederacio, kiu fariĝis grava danĝero por la ordo socia. La situacio estas malfacila.

En Anglujo, la Parlamento voĉdonis, sentro da protestoj, gravan leĝon pri pensioj al maljunuloj pli larĝan ol ĉiuj ĝis nun tiaj voĉdonitaj leĝoj — kvankam oni ne estas certa pri ĝia financa efektigebleco.

La ĉefa novaĵo venis el Turkujo, kie tiel nomata jun-turka movado eksplodis, kaj montris, ke preskaŭ la tuta armeo estis varbita al la novaj ideoj. Sendube instigata pro timo, la Sultano devis restarigi la Konstitucion de 1876, kiun li mem forigis kaj anstataŭis per absolutismo. Granda ĝojo manifestiĝis en la tuta lando, sed la ekzemploj de absolutaj registaroj konstituciiĝintaj kiel Rusujo, Persujo, Montenegro, kaj la antaŭa konduto de la Sultano timigas ke tiu koncedo estas nur preteksto por gajni tempon kaj forigi la estrojn de la reformista movado. Se tiel estas, ni baldaŭ vidos revolucion aŭ reakcion, kiujn verŝajne uzos la Eŭropaj regnoj por repreni la influon kaj rajton, kiujn la lastaj okazintajoj forigis. A. R.

## La Faktoj

*6 Julio.* — *Romo.* — La Vatikano publikigas gravan dokumenton pri la reformo de la dikasterioj de la Sankta Sidejo.

*Porto Principe.* — Terura brulado detruas 400 domojn.

*Madrido.* — Solena inaŭguro de monumento al Emilo Castelar.

*Kristianio.* — Mortas poeto Jonas Lie.

*Parizo.* — Farman per aeroplano gajnas la premion Armengaud.

*7. Berlino.* — Morto de feldmarŝalo von Loe.

*Nov-Jorko.* — Pro terura varmo mortas 27 personoj.

*Kostantinoplo.* — Turka oficiro mortigas generalon Schemsi Paŝa.

*8. Würtemberg.* — Barono Zeppelin en la okazo de sia naskotago estas proklamata honora urbano de la ĉefurbo.

*Parizo.* — La deputataro prokrastas la diskutadon pri la forigo de la mortpuno.

*9. Kölno* (Kolonio). — Ponto sur la rivero Rejno elfalas renversante en la ondojn multajn laboristojn.

*Bolonjo.* — La urbkonsilantaro decidas la elspezon de 80,000 Sm. por la starigo de monumento al poeto Cerducci.

*10. Mainz.* — Okazas la XXIV$^{a}$ Kongreso de la Germanaj kampaj kunhelpaj societoj.

*Dovner.* — Bryan estas proklamata demokrata kandidato por la prezido de Usono.

*Schwerin.* — Mortas dukino Elisabeth, edzino de duko de Mecklemburgo reganto de Brunschwig.

*11. Koiro.* — Brulado detruas la tutan vilaĝon Bonaduz.

*12. Venezio.* — Inaŭguro de ekspozicio de sankta arto.

*13. Londono.* — Inaŭguro de la IV Olimpiado en la stadiumo de Stepherds; ĉeestas 3,000 konkurantoj el 25 nacioj.

*Panamo.* — Oaldia estas elektata prezidanto de la Respubliko.

*Belgrado.* — La reĝo post la rifuzo de Milosaljevic, komisias Milovanovic starigi novan ministraron.

*14. Praha.* — Komenco de granda kongreso de l'slavaj popoloj.

*15. Tokio.* — Nova ministrarestro Katsura starigas ministraron.

*Berlino.* — Pro la eksplodo en la karbminejo Karolo Granda, mortas 11 personoj.

*17. Halifax.* — Forveturas al antartikaj regionoj vaporŝipo « Rosevelt » kun kapitano Peary.

*18. Parizo.* — Prezidanto Fallières forveturas al Dunkerque.

*Bombaj.* — Striko de 14.000 laboristoj.

*19. Petrurbo.* — La centra administracio de l'milit-genio starigas por 1909 premion da 150.000 rublaj por la plej bona solvo de l'problemo de l'aerveturado.

*Belgrado.* — La krizo de l'ministreco finiĝis; Velimirovic estas la ministrarestro.

*Monastiro.* — La « junaj turkoj » starigas revolucian regadon en Albanujo.

*20. Kopenhago.* — Prezidanto Fallières vizitas la danan reĝon.

*22. Londono.* — Morto de la fama pacifisto sir William Randall Cremer, deputato de la Labor-Partio.

*Caracas.* — Diplomatia malkonsento inter Venezuelo kaj Holando.

*Romo.* — Morto de kardinalo Nocella.

*22 Madrido.* — Publikigo de la protokolo inter Hispanujo kaj Sankta-Sidejo pri ŝanĝoj en la interkonsento de 1851.

*24. Kostantinoplo.* — La sultano starigas la Konstitucio en la ŝtato.

*Losano.* — Malfeliĉego en la galerio de Loetchsberg; 25 mortintoj.

*Stokolmo.* — Fallières vizitas la reĝo de Svedujo.

*Quebec.* — Festoj por la tria jarcento de la urbo.

*27. Kostantinoplo.* — Gravaj manifestadoj de ĝojeco pro la libereco.

*Reval.* — Renkonto de Fallières kun la Caro.

A. Tellini.

# Niaj enketoj

V.

### Juĝa organizado

**(Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj)**

La Francoj estas ĉiuj egalaj antaŭ la leĝo, la sama leĝo estas al ĉiuj administrata de la samaj juĝistaroj, kaj la « juĝa helpo » (assistance judiciaire) permesas al la plej humilaj kaj malriĉaj plendantoj atingi justecon. Kiom malsimila estis la stato de la regnanoj, antaŭ la Revolucio, en 1789! Tiam la justeco estis administrata de multaj kaj diversspecaj juĝistaroj: la leĝsistemo diversiĝis laŭ la klaso de la personoj, kaj laŭ la provincoj, regataj ĉu de la juro kutima, ĉu de la juro romana, k. t. p. Al tio aldonu ke la juĝistaroj, kies povoj estis malbone limigitaj, konfuziĝis aliaj en aliaj, tiel ke la demandoj pri kompetenco stariĝis kiel baroj netransireblaj. Kiam la plendinto, elpezinta multe da tempo kaj mono estis fine venkinta en sia proceso, li devis opinii sin feliĉa se restis al li alia afero ol ostraj ŝeloj!

La juĝa reformado estis do plej necesa, kaj la « Konstitucia Deputataro » (Assemblée Constituante) ĝin entreprenis de siaj unuaj konsiliĝoj. En la fama nokto, 4$^{a}$ aŭgusto 1789, ĝi forĵetis la landsinjorajn juĝistarojn, la aĉeteblecon de la oficoj, k. t. p. La sekvantan jaron, la 24$^{an}$ marto 1790 ĝi dekretis ke la juĝa organizado estu tute restarigata. La reguloj kiujn ĝi proklamis estas ankoraŭ la plimultaj el tiuj kiuj nin regas hodiaŭ.

La leĝoj voĉdonataj de la tiama Deputataro kaj de la sekvaj leĝdonantaroj fondis ordenon tiel simplan kiel permesas la mikseco de la societaj rilatoj.

Nia celo estas rapide skizi la nunan staton: ni tuj ektraktas la subjekton.

La juĝistaroj estas civilaj, aŭ kriminalaj, jen estas la plej grava diferenco: ni komence ekzamenos la civilajn.

I. *Civilaj juĝistaroj.* — Inter ili oni distingas la ordinarajn, kaj eksterordinarajn:

1$^{e}$ La ordinaraj estas la civilaj juĝistaroj, aŭ tribunaloj, kaj la apelaciaj kortumoj.

2$^{e}$ La eksterordaj estas la « tribunaloj de la paco », la « komercaj tribunaloj », kaj la « arbitraciaj konsilantaroj » (conseils des prudhommes). Supere la « Kasacia Kortumo » (Cour de Cassation).

La povoj de la eksterordaj juĝistaroj estas limigitaj: ĝi havas juĝrajton nur por la aferoj kies decido estas komisiita al ĝi. Kontraŭe al ordinaraj tribunaloj havas juĝrajton plenan: ili estas kompetentaj pri ĉiuj civilaj demandoj, eĉ pri ĉiuj esceptaj demandoj kies juĝo estas komisiita al aliaj ajn juĝistoj. La ordinaraj juĝistaroj estas kompetentaj pri la plenumo (exécution) ne nur de ĝiaj juĝoj, sed ankaŭ de la juĝoj eldiritaj de la eksterordaj juĝistaroj, dum tiuj ĉi ne estas kompetentaj pri la disputoj kiujn povas naski la plenumo de ĝiaj sentencoj.

1. *Ordinaraj juĝistaroj.* — La juĝa organizado, teritorie, estas ligata al la administraciaj dividoj. Francujo estas dividata laŭ 86 departementoj kiuj estas same dividataj je distriktoj nomitaj « arrondissements ». Esceptante la departemento « Sekvano » (Seine), kiu posedas, en Parizo, nur unu tribunalon, la Sekvanan tribunalon, estas en la ĉefurbo de ĉiu Distrikto tribunalo civila, neĝuste nomita kelkafoje « Tribunalo de unua instanco », (de première instance), ĉar ĝi decidas ankaŭ, senapelacie, pri la apelacioj kontraŭ la juĝoj de la pacjuĝistoj, kaj de la arbitraciaj konsilantaroj; ĝenerale la tribunaloj civilaj estas kompetentaj pri ĉiuj civilaj demandoj aŭ procesoj, ĉu unuainstance (en 1$^{re}$ instance), ĉu senapelacie, laŭ la graveco de la procesaĵo.

Nuntempe ĝi havas povon juĝi senapelacie: 1$^{e}$ pri la procesoj personaj kaj moveblaj (actions personnelles et mobilières) se la valoro de la proceso ne superas 600 Sm.; 2$^{e}$ pri la procesoj nemoveblaj (actions immobilières) se la jara luprezo de la nemoveblaĵo ne superas 24 Sm.

Esceptante la Sekvana tribunalo, kiu estas eksterklasa, estas tri klasoj da tribunaloj civilaj, laŭ la loĝantaro de la ĉefurbo kie ĝi sidas: ĉiu tribunalo enhavas unu aŭ kelkajn ĉambrojn: ĝi havas, 1$^{e}$ unu prezidanton kaj tiom da vicprezidantoj kiom da ĉambroj aldonitaj; 2$^{e}$ du aŭ tri juĝistojn, kies unu, komisiita pri la funkcioj de juĝesploro (juge d'instruction), enketas la kulpojn kontraŭ la punan leĝon kaj serĉadas la aŭtorojn de la krimoj kaj leĝdekliniĝoj (délits); 3$^{e}$ unu aŭ kelkajn helpjuĝistojn (juges suppléants) laŭ la bezonoj de la juĝaservo; 4$^{e}$ prokuroron de la Respubliko (procureur de la République) helpata de unu aŭ kelkaj anstataŭantoj nomitaj substitutoj (substituts). Tiuj ĉi magistratanoj riprezentas la ŝtatan persekutistaron (ministère public), kaj ilia funkcio estas observi, postuli kaj subteni, je l'nomo de la registaro, la plenumon de la leĝoj, de la juĝoj, persekuti propramove tiun plenumon pri la decidoj kiuj interesas la publikan ordon, la registaron, la ŝtatbienojn, kaj la rajton de la personoj nekapablaj sin defendi per si mem, fine ili povas, antaŭ la tribunaloj, konkludi, tio estas konigi sian opinion, en ĉiuj procesoj. La magistratanoj kiuj, ĉu en la tribunaloj, ĉu en la Apelaciaj Kortumoj, ĉu en la Kasacia Kortumo, plenumas la funkciojn de juĝistoj, formas la magistrataron sidatan (magistrature assise). La anoj de la ŝtata persekutistaro estas nomitaj « magistrataro stara » (magistrature debout), tial ke ili stare parolas en la aŭdiencoj de la diversaj juĝistaroj. La unuaj estas neeksigeblaj, la lastaj povas esti eksigataj aŭ sendataj en aliajn tribunalojn.

Ni aldonos ke tribunalo suba aŭ supra ne estas regule formata, kaj ne povas juĝi regule, se ĝi ne estas helpata de « juĝregistristo » (greffier), kiu estas la skribisto por la juĝoj kaj aktoj de la juĝistoj, kies li sola povas liveri kopiojn, k. t. p.

La « Apelaciaj Kortumoj » juĝas en dua instanco (en 2$^{me}$ instance) pri la apelacioj kontraŭ la juĝoj eldiritaj de la Tribunaloj civilaj aŭ komercaj. Estas 26, kies kompetenco etendiĝas sur unu aŭ kelkaj departementoj, kaj konsistas el pli aŭ malpli da fakoj, nomitaj « ĉambroj », laŭ la graveco de la regiono (ressort). Ĉiu « Apelacia Kortumo » havas prezidanton, nomitan ĉefprezidanto (premier president), prezidantojn de ĉambro (presidents de chambre), kaj juĝistojn nomitajn konsilantoj (conseillers), de 6 ĝis 7, aŭ plie, en ĉiu ĉambro.

Apud ĝi estas la Ministreco Publika riprezentata de la Prokuroro ĝenerala, Advokatoj ĝeneralaj kaj Substitutoj; ĉefregistristo helpata de subregistritoj, direktas la registrejon (greffe).

Diferencaj estas la rajtoj de la ĉambroj. En la dua instanco: 1$^{e}$ la « civilaj ĉambroj » juĝas pri la civilaj kaj komercaj procesoj; 2$^{e}$ la « korekcionalaj ĉambroj » juĝas pri la apelacioj kontraŭ korekcionalaj juĝoj (vidu sube).

Tria ĉambro, nomita « ĉambro de kulpigekzameno » (mises en accusation) decidas pri la procesadoj de la juĝesploroj, okaze de faktoj, supozataj krimoj, kaj ĝin resendas, se estas sufiĉaj prisupozoj, ĉu antaŭ la Asiz-Kortumo (Cour d'assises), ĉu antaŭ la tribunalo korekcionala, laŭ la puna graveco de la fakto.

(*Daŭrigota*). G. Bottin (Douai).

# ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

**Esperantista Akademio.**

La balotoj por la *Esperantista Akademio*, eltirita el la Lingva Komitato, liveris la rezultatojn sekvantajn:

Lingvokomitatanoj 86; voĉdonintoj 69; neregulaj voĉdoniloj 7; absolute plimulto: 32. Estas elektitaj: S-roj Boirac (60), Bein (54), Cart (49), Grabowski (48), Moch (41), de Saussure (39), Nylen (31), Mybs (32), Villanueva (34). La sekvantaj ne ricevis la absolutan plimulton je la 1$^{a}$ voĉdonado. La listo de la kandidatoj aperis en nia lasta N$^{o}$.

**Notindaĵoj.**

*Francujo:* La rezultatoj de la balotoj por parto de la komitato de S. f. p. E. estis tre favoraj al la fundamentistaj kandidatoj, kiuj estis elektitaj per 700 ĝis 1.000 voĉoj kontraŭ 400 al nefundamentistoj. Oni do atendas la eksiĝon de S-ro de Beaufront, kiu per sia konduto sin igis ne inda prezidi la diritan societon. — Federacioj fondiĝis en Norda Francujo (sidejo en Armentières) kaj en Provenco (suda Francujo). — *Belgujo:* La komitato de la Belga Ligo decidis proponi Belgujon por la 5$^{a}$ aŭ 6$^{a}$ kongreso; la urbo Antverpeno jam invitis. — *Britujo:* Sukcesa kongreso de la Esp. Federacio de Lancashire kaj Cheshire en Blackpool. Oni fondis en Londono bicikledan klubon esp., kiu veturas tra la Britaj urboj por propagandi. — *Danujo:* La Danaj Esperantistoj preparas postkongresajn tagojn en Kopenhago. La programo estas tre alloga, kaj esperinde multaj kongresanoj vizitos la belan nordan urbon. — *Hispanujo:* Grava Ekspozicio Esperantista kun festoj estas organizataj en Igualando de la 2 ĝis la 4$^{a}$ de aŭgusto. — *Bulgarujo:* Bulgara Esp. kongreso estas preparata en Sumen; oni esperas gravan sukceson. — *Usono:* En Pittsburg fondiĝis grava Esp. Asocio, kiu kalkulas 1200 anojn. La Internaciaj bontemplanoj en Usono alprenis Esperanton. La Usona Esp. kongreso en Chautagna estis grandioza sukceso, kiu atestas pri la mirinda movado starigata en tiu lando; delegitoj el ĉiuj partoj de Usono ĉeestis; regis plej granda entuziasmo.

**Bibliografio.**

*Makbeto* (versa trad. el Shakeaspeare, de Lambert. Kolekto de la « Revuo », Paris - Hachette). — *La Reĝlando de l'Rozoj* (de A. Houssaye, trad. P. Champion. - Presa Esp. Societo. 20 Sd.) — *La Juĝo de Oziris* (de H. Sienkiewicz, trad. A. Grabouski. - Pola Esperantisto, Varsovio). — *Ifigenio en Taŭrido* (versa trad. el Gœthe, de L. L. Zamenhof. Kolekto de la « Revuo », Paris-Hachette. 80 Sd.). — *Internaciismo kaj Pacifismo* (de J. Duroux; Espero Katolika. 10 Sd.). — *Bukedo* (de Ch. Lambert, kolekto de la Revuo, Paris-Hachette). — *Tri Unuaktaj Komedioj* (Esperanto Verlag, Möller & Borel, Berlin; 40 Sd.). — *IV$^{a}$ Internacia Esperantista Kongreso* (kongreslibro eldonita de la Kvaro). — *Ilustrita Bibliografio Esperanta* (laŭ la temoj kaj aŭtornomoj. Prezo: 1 karto, 3 Sd. — A. Brzostowski, Varsovio, Krueza, 9).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

FAKO 1ª. — **Administrado**.

⁂ De D-ro Zamenhof, la vicprezidanto de U.E.A. ricevis la jenan leteron :

*Kara Sinjoro,*

*Kun plezuro kaj danko mi ricevis la diversajn specimenojn, kiujn vi sendis al mi. La rapida kaj bonega disvolviĝo de la U. E. A. min tre ĝojigas, kaj mi esperas de via Asocio tre multe da bono por nia tute afero. Mi kore deziras al U. E. A. la plej bonajn sukcesojn.*

*Vian afablan inviton ĉeesti en Dresdeno en la solena malferma kunveno kaj en unu el laboraj kunvenoj de via Asocio, mi akceptas kun plezuro.*

L. L. ZAMENHOF.

Ni tutkore dankas nian Majstron pro liaj bondeziroj kaj esperoj, kiujn ni nepre penos pravigi per nia komuna laboro.

⁂ La Komitato de la Brita Esperantista Asocio, kunveninta en Londono, la 13an de Julio akceptis la jenan decidon proponitan de S-ro Pointer kaj helpitan de S-ro Law : « La B. E. A. sendas sian koran saluton al la U. E. A. kaj deziras al ĝi plenan sukceson en ĝiaj pro-Esperantaj klopodoj, kaj decidas sendi reprezentanton al la ĝenerala kunveno de la U. E. A. en Dresdeno. »

Ni tre kore dankas la komitaton de la B. E. A. pro ĝia afabla decido, kaj esperas, ke aliaj societoj naciaj, kompreninte la signifon de U. E. A. same agos.

*Avizoj al Delegitoj.* — Kelkaj Delegitoj ne ankoraŭ sendis la liston de la aliĝoj al U. E. A. aŭ la respondilon al cirkulero 1ª (fako 1ª). Ni insiste petas, ke ili bonvolu komuniki tion al ni kiel eble plej rapide. Tiu avizo aparte celas la Delegitojn de Alger, Autun, Bourges, Brauschweig, Debreczen, Fiume, Malmö, Melitopol, Toulouse, Utrecht, Zürich.

⁂ La projekto de neprovizora regularo estas nun presita kaj estos komunikata ĉe la kunvenoj de U. E. A. en Dresdeno. La ceteraj Delegitoj ĝin ricevos kiel eble plej baldaŭ post la kongreso.

⁂ Niaj Delegitoj estas tre petataj klopodi por trovi en kiel eble plej multaj lokoj de sia regiono *Subdelegitojn*. Por faciligi ilian taskon en tiu rilato, ni volonte sendos tute pretajn cirkulerojn kun respondilo, komunikotajn de la Delegitoj al la personoj de ilia regiono, kiuj, laŭ ilia opinio, taŭgus kiel subdelegitoj.

⁂ La Subdelegitoj estas petataj senpere rilati kun la Delegito de sia regiono por ĉio, kio koncernas U.E.A. La Delegito subskribos kaj sendos al ili la bezonatajn membrokartojn, ricevos la listojn de U. E. A anoj, la kotizajojn, k. t. p.

*Oficiala Jarlibro de U. E. A.* — Kiel jam dirite, la unua eldono de la *Oficiala Jarlibro* de U. E. A. aperis en la komenco de aŭgusto. Tiu broŝuro enhavas ĝeneralajn informojn pri U E. A. kaj ĝiaj servoj, kaj plenan adresaron de la Delegitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esperanto-Oficejoj, k t. p., ĝis la 1ª de aŭgusto 1908 ; ĝi do estas necesega por ĉiuj Delegitoj kaj ĉiuj Esperantianoj. Oni povas ĝin ricevi po 12 Sd. Por niaj Delegitoj, ni vendas 10 ekzempl. kune menditajn po 1 Sm. (Pago samtempe kun la kotizajo). Ni tre instigas ĉiujn niajn Delegitojn konigi la diritan jarlibron, kiu estas la plej bona pruvo pri la disvastiĝo de U. E. A. post trimonata ekzisto. Dua, pli plena, eldono estas nun en preparado.

*Oficialaj Insignoj de U. E. A.* — La oficialaj insignoj de U. E. A. estas nun pretaj. Por la Esperantianoj, ili konsistas el verda stelo kun bela blanka emajla tranĉrando kaj literoj U. E. A. desegnitaj. Por la Delegitoj tiuj insignoj estas rondaj ; meze la verda stelo kun blanka emajla tranĉrando ; ĉirkaŭ, la nomo de U. E. A. kun la vorto Delegito. Tiuj zorge faritaj insignoj estas de nun mendeblaj po la jenaj malkaraj prezoj :
*Insignoj de l'anoj :* 1 ekz., 24 Sd. ; 10 ekz., 2 Sm.
*Insignoj de l'delegitoj :* 1 ekz., 30 Sd.

Ni instigas ĉiujn niajn anojn kaj delegitojn akiri la diritan insignon, kiun en baldaŭ tempo devos nepre posedi ĉiuj Esperantianoj. Niaj Delegitoj estas tre petataj ilin disvendi, profitante la specialajn kondiĉojn por mendo da pli ol 10 modeloj. Ni sciigas, ke tiuj insignoj devas esti vendataj *nur* al Esperantianoj.

*Kunvenoj de U. E. A. en Dresdeno.* — Jen la programo de la kunvenoj de U. E. A. aranĝitaj dum la Dresdena kongreso :

*Mardon, 18 aŭgusto.* — *Solena publika inaŭgura kunveno de* U. E. A., sub la prezido de *H. Bolingbroke Mudie*, prezidanto de U. E. A. Tagordo : 1e Saluta parolado de la prezidanto ; 2e la *Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia signifo, ĝia agado, parolado de *H. Hodler*, vicprezidanto de U. E. A. ; 3e *Respondo de D-ro L. L. Zamenhof ;* 4e *Diversaj komunikajoj*.

Al tiu kunveno, kiun bonvolis honori per sia ĉeesto D-ro Zamenof mem, estas invitata la tuta kongresanaro.

La *laboraj kunvenoj okazos :*

*Merkredon 19 aŭg., vendredon 21 aŭg., sabaton 22 aŭg.*

*Tagordo :*

1e) Raporto pri fako 1ª (H. Hodler).
2e) Raporto pri fako 2ª (Th. Rousseau).
3e) Raporto pri fako 3ª (J. Schmid).
4e) Diskuto de la neprovizora regularo de U. E. A.
5e) Ekzameno de la financa stato de U. E. A., prezento de la budĝeto ; voĉdono pri la kotizajo de 1909.
6e) Kreado de fako : Komerco & Industrio.
7e) Kreado de fako : Instruado.
8e) Diversaj proponoj kaj komunikajoj.

La horojn kaj lokojn konigos la kongresa gazeto kaj speciala programo.

Ĉiuj Delegitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Konsuloj de U. E. A. estas treege petataj partopreni en la nomitaj kunvenoj, en kiuj ili havos difinitan lokon. La anoj de U. E. A. entute la kongresanoj kiuj deziras scii pri la laboroj de nia Asocio, estas ankaŭ kore invitataj ĉeesti niajn kunvenojn. D-ro Zamenof siaflanke bonvolis promesi sian ĉeeston por unu el la laboraj kunvenoj.

La Delegitoj, kiuj deziras prezenti raporton aŭ fari proponon apartenantan al la kompetenteco de U. E. A., estas petataj konigi tion al ni almenaŭ 24 horojn antaŭ la kunveno, en la sidejo de U. E. A. en Dresdeno.

Dum la Kongreso, la konstanta sidejo de U. E. A. estos en speciala ĉambro de Technische Hochschule (kongresejo) kie renkentiĝos ĉiuj Delegitoj, Komitatanoj, k. a., kaj ĉe kies fenestrejo estos afiŝataj ĉiuj avizoj pri U. E. A. Niaj kunlaborantoj estos insiste petataj ofte viziti nian renkontejon.

*Dimanĉon 16 aŭg.*, je 8 h. vespere, okazos en dirita loko familia prepara kunveno de la Delegitoj, Vicdelegitoj, k. a. ; ĉiuj estas kore invitataj.

⁂

*Subdelegitoj.* — Vidu pri tio Nojn 34 & 35 de « ESPERANTO ».

3ª Listo de subdelegitoj :

*Fourgues* (Franc. - Pyr.-Orient.). — S-ro Andreu.
*Heringen* (Germ.) — S-ro Baldow (r.: Nordhausen).
*Lion d'Angers* (Franc.) - F-o M. Barbin (r.: Angers).
*Worcester* (Usono-Mass) — S-ro W. E. Baff.
*Toledo* (Usono-Ohio). — S-ro H. S. Blaine.
*Teruel* (Hispan.). — S-ro C. Bartoló.
*La Guardia* (Hisp.-Jaén). — S-ro Baudin Agüero.
*Cannes* (Franc.). — S-ro Cresp (r. : Toulon).
*Sigüenza* (Hisp.-Guadalajara). — S-ro Cano.
*Villemsuble* (Franc.). - S-ro R. Dulaurens (r.: Paris).
*Nieppe* (Franc.). — S-no Faleur (r. : Armentières).
*Newton-Centre* (Usono-Mass) - S-ro C. H. Tessenden
*Zierikzee* (Holando). — S ro P. S. Gerlings.
*Taillette* (Franc.- Ardennes). - S-ro J. P. Héripret.
*Everett* (Usono-Mass). — S-ro F. G. Harrison.
*Trelazé* (Franc.) — S-no Jèze (r. ; Angers).
*Ruza* (Rusujo). — S-ro G. Kohan (r. : Moskvo).
*Bromberg* (Germ.-Posen). — S-ro Kandt.
*Colmar* (German.-Elsaco). — S-ro P. Kœnig.
*Draguignan* (Franc.). - S-ro A. Louvet (r.: Toulon)
*Sorèze* (Franc.-Tarn). — S-ro Ed. Lau.
*Bagnières* (Franc. - Htes-Pyr.). — S-ro Laffaille.
*Boryslaw* (Aŭstrio-Galicio). — S-ro E. Langer.
*Gramat* (Franc. - Lot). — S-ro A. Laurent.
*Neuville-s/-S.* (Franc.) — S-ro D. Dafay (r.: Lyon).
*Serpuĥov* (Rusujo). - S-ro A. Pafomov (r.: Moskvo)
*Oxford* (Anglujo). — S-ro A. A. Patterson.
*Charenton* (Franc.). — S-ro Cuzon (r. : Paris).
*St Meard de Drome* (Fr.-Dordogne). S-ro Simonnet
*Middlesborough* (Anglujo). — S-ro W. A. Todd.
*Remiremont* (Franc.-Vosges). — S-ro E. Villemain.
*Rostov-a/-Don* (Rusujo). — S-ro Vejteler.
*Eastbourne* (Anglujo). — S-ro J. P. Nix.
*Rotingen* (Germ.). S-ro M. Schneider (r.: Düsseld.).
*Kaiserwerth* (Germ). S-ro H. Poensgen »

Entute 90 subdelegitoj. Ĉiuj samideanoj, kiuj estas pretaj plenumi la diritan oficon, bonvolu skribi al ni.

*Novaj grupaliĝoj.* — De la lasta no, la jenaj grupoj elektis delegitojn :

*Salzinnes* (Belgujo). — S-ro Ch. Beaulieu.
*Bremen* (Germ.). — S-ro H. A. Brake.
*Lancaster* (Anglujo). — S-ro Ch. D. Baxandall.
*Barcelona* (Hispanujo). — S-ro J. Bausells.
*Anvers* (Belgujo). — S-ro L. Champy.
*Deal* (Anglujo). — S-ro Ch. E. Cowper.
*Huddersfield* (Anglujo). — S-ro F. Clarkson.
*Bukarest* (Ruman.). — S-ro O. Haimoviĉi.
*Halstead* (Anglujo). — S-ro J. A. Lee.
*Glascow* (Skotlando). — S-ro J. Maclaren ; S-ro J. C. Scott.
*Tulle* (Franc.). — S-ro F. Soubranne.
*Wien* (Aŭstrio). — S-ro Siebenscheitz.
*Carcagente* (Hisp.). — S-ro D. T. Rodriguez.
*London* (Anglujo). — S-ro H. B. Mudie ; S-ro G. J. Cox ; S-ro Nicholl.
*London-Putney* (Anglujo). — S-ro J. W. Western.
*St-Armand-les-Eaux* (Franc.). — S-ro R. Dubois.
*Gratz* (Aŭstrio). — S-ro R. Felser.

Entute 238 lokoj kun 201 delegitoj kaj 90 subdelegitoj.

⁂

FAKO 2ª. — **Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj**.

Ni ricevis proksimume 80 respondilojn al la cirkulero 1ª de fako IIª.

La plej multaj el la delegitoj respondis, anoncante la elekton de konsuloj kaj la starigon de Esp.-Oficejo en sia urbo. Tiuj institucioj jam plene kaj tute regule funkciadas en proksimume 60 urboj.

Ni treege insistas por ke ĉiuj delegitoj, kaj laŭeble ĉiuj delegitoj kiuj, ĉu pro sia malfrua aliĝo al U. E. A., ĉu pro diversaj malhelpajoj, ne jam povis efektivigi la programon kiun ili legis en la cirkulero kaj broŝuro al ili senditaj, ke ili volu kiel eble plej baldaŭ kaj plej ageme klopodi por tiu efektivigo, kaj tuj poste, sendi al ni la respondilon zorge plenskribitan.

Ni volas ĉi tie respondi al kelkaj diroj de niaj delegitoj.

Kelkaj skribas al ni, ke en sia lando, oni ĝis nun okupas sin nur pri la propagando ; ke ili renkontas nur indiferentecon ; ke la nombro de la samideanoj en sia urbo estas tre malgranda ; ke mono al ili mankas. Al tio ni respondas : 1e) Ke la tasko de U. E. A. ne estas senpere propagandi Esperanton, sed montri la servojn kiujn U. E. A. faras al siaj anoj dank al Esperanto, kaj ke tiu pera propagando estas la plej bona por nia lingvo ; 2e) ke ili devas en sia urbo elekti konsulojn kaj starigi Esp.-Oficejon por la utilo de ĉiuj membroj de U. E. A. ; kaj sekve, eĉ se ili estas solaj esperantistoj en sia urbo ; 3e) ke mono estas necesa nur por eldono de gvidfolio kaj gvidlibro. Sed tiuj eldonajoj, kiuj celas konigi eksterlanden la lokon, laŭ vidpunkto de turismo, komerco, industrio, k. c., devas eldoni ne la delegito, sed la loka grupo, per la kotizajoj de siaj membroj, kaj laŭ la instigo de la delegito. Pri tio oni bonvolu relegi la broŝuron pri Konsuloj kaj Esp.-Oficejoj kaj la artikolon kiun ni publikigis la 1an de julio sub la titolo : Simpla Komparo.

⁂ Ĉiuj delegitoj estas petataj tuj sendi al Dresden : Esp.-Oficejo, S-ro Tessner, Ammonstr., du ekzemplerojn de la gvidfolioj, gvidlibroj, k. c., Esperante redaktitajn, kiuj ekzistas en sia urbo, por la Kongresa ekspozicio.

⁂

FAKO 3ª. — **Turismo.**

*VOJAĜO A.* — Pri vojaĝo A ni povas aldoni nun kelkajn pliajn sciigojn kaj korektajojn :

1). Ĉar la de ni uzota vagonaro forlasas Montreux jam $7^{31}$, oni do devos forveturi el Genevo je la $4^{50}$ *matene*, iom frue, sed tiu horo estos necesa por atingi Lucernon ĝustatempe.

2). De Lucerno al Meggen ni uzos la Gothardan fervojon ($6^{57}$, Meggen $7^{10}$, Meggen forvet. $9^{55}$).

3). En Lucerno ni loĝos en hoteloj Metropol, Rutli kaj Engel, laŭ prezoj de 3,50 ĝis 4 frankoj po lito kaj ĉambro, matenmanĝo fr. 1,50.

4). La vespermanĝo en Meggen estos tre bone aranĝita en la parko (1 Sm.), iluminado, malgranda parolado de S-ro Schmid.

5). De Lucerno al Innsbruck ni havos specialan vagonon, ni do ne devos ŝanĝi vagonaron kaj povos lasi la pakajon en vagono en Zurich.

6). En Innsbruck bonveno de tiea samideano (Zimmermann). Malkara tagmanĝo kaj vizito de la urbo.

7). De Innsbruck al Prag verŝajne speciala vagono.

8). En Prag ni trovos favoran amikaron. Lito Sm. 1,12, tagmanĝo Sm. 0,85. Vizito de la Ekspozicio kaj de l'urbo, vesperfesto kun tiaj samideanoj, kiuj jus eldonis belegan gvidlibron da 64 paĝoj ilustritaj, kun la helpo de la urbestraro kaj de la informa societo. Dum la Prag'a restado ni portos belan signon, jam nun sendita al ni por disdoni ĝin.

9). En Dresdeno oficiala bonveno ĉe la stacidomo.

10). En Berlino S-ro Borel zorgas malkarajn manĝojn kaj ĉambrojn, same en Frankfurt S-ro Barthel.

11). Ankaŭ en Muncheno afabla bonveno de la tieaj delegitoj.

12). Estas necese ke la kunvojaĝontoj el Francujo alveturu Genevon jam la 11ª aŭg. vespere.

13). La insignojn kaj membrokartojn de U. E. A. oni disdonos dum la vojaĝo kaj en Dresdeno.

J. SCHMID, *Esperantio*, Bern.

---

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Grava avizo.** — Ni de nun *senpage* presos ĉiujn komunikajojn de la *U. E. A. Delegito-konsuloj* pri ilia agado, specialaj servoj faritaj de ili, esperantistaj hoteloj, firmoj kaj institucioj uzantaj Esperanton, k. t. p. Ili ankaŭ bonvolu sendi al ni nelongan informon pri ĉiuj okazintajoj aŭ okazontajoj lokaj, havantaj ĝeneralan intereson (ekz. komercaj kaj industriaj ekspozicioj, foiroj, festoj, turismo, k. t. p.) Tiuj informoj estu redaktataj mallonge kaj precize ; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 10ª kaj 25ª de ĉiu monato por ke ili aperu en la plej proksima no. Ni varme instigas ĉiujn delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej akurate kunlabori por tiu rubriko, kiu dank'al ilia kunhelpo rapide fariĝos interesa kaj tre utila.

### Aŭstrio.

*BRÜNN* (43.432). — D. : J. Dieterich ; VD. : F. Podloućka.

Esperantianoj : 1. Podloućka, 2. V. Mattel, 3. E. Mitiska, 4. Schirmeisen, 5. A. Wessely, 6 S-inoj M. Sedlak, 7. F. Sopukh, 8. M. Haid, 9. M. Dieterich, 10. M. Weber, Steingassner.

*PRAHA* (43.711). — D. : V. Krauss.

⁂ La Esp. klubo eldonis serion de ilustritaj p. kartoj de Praha kun esp. surteksto. Ni multe rekomendas mendi la p. k. pli frue por ke la personoj, kiuj veturos al Praha, povu jam hejme prepari la adresojn kaj ilin sendi el Praha. — Prezo : 1 ekz. afrank. 4 Sd. ; 10 ekz. 27 Sm. ; 50 ekz. 1,30 Sm. Sin turni al : K. Prochazka, Praha II. 460 u. Karlova.

⁂ *Esperanta gvidlibro por vizitantoj de bohema ĉefurbo Praha* jus eliris. Prezo 25 Sd. (45 bildoj, 64 pĝ. 11 × 20 cm). Biblioteko de Časopis Českých Esperantistů. Verkita de « Bohema Unio Esperantista » kaj Esperantista Klubo en Praha.

*Rekomendinda al ĉiuj kongresanoj kiuj vizitos Bohemujon post aŭ antaŭ la Kongreso!*

Adreso : Esperanto-Kafejo « Union » Praha, Ferdinandova tř. 29. Al S-ro Sekretario de « Bohema Unio Esperantista ».

Samloke oni mendu *ilustritajn esp. poŝtkartojn* kun vidajoj je ĉefaj konstruajoj de Praha (7 serioj) po 6 hel. (100 ekz., 5 k., afr.).

*WIEN* (43.611). - D. F. Hartwich ; J. Ostermeier ; F. Schonka.

Esperantianoj : 1. N. Petroviĉ, 2. K. O. Sikor, 3. Dr Werber, 4 K. Ahlgrimm, 5. F-ino Ehrl, 6. A. Engel, 7. M. Seidl, 8. Dr M. Engländer, 9. J. Ostermeier, 10. O. Simon, 11. H. Romanovicz, 12. J. Glück 13. A. Siebenscheim, 14 K. Metz.

### Britujo

*BRADFORD* (42-31). — D. : A. Tuke Priestman ; VD. : J. T. Holmes.

Esperantianoj : 1. Priestman, 2. J. Holmes, 3. E. Farnell, 4. L. E. Williams, 5. W. Crabtree, 6. W. Thistlethwaite, 7. R. Whitaker, 8. R. Crowley, 9. C. Aikman, 10. F-ino Tordoff, 11. N. Calvert, 12. J. Whitaker.

*LIVERPOOL* (42.721). — D. : S. Whitaker ; F-ino Jones.

Esperantianoj : 1. M. Jones, 2. E. Hawliczek, 3. F-ino E. Hogg, 4. F-ino M. Holding, 5. A. Hay, 6. G. Lewis, 7. F-ino Hughes, 8. A. Hermant, 9. F-ino Broughton, 10 R. Graham, 11. R. R. Chisholm, 12. G. H. Lyon, 13. F-ino Ferguson, 14. S. Whitaker, 15. F-ino Carter, 16. P. L. Roberts, 17. G. Bury, 18. R. Carter, 19. F-ino H. H. Jones, 20. G. Karek.

### Belgujo

*ANTVERPENO* (493.1).

⁂ La 19an de Julio, la Antverpenaj Esp-isto faris ekskurson al Ste-Mariaburg kaj vizitis la tiean grupon « Verda Flago ». Multaj kuniris. Vespere okazis sukcesa muziko festeto. Tiu ekskurso estis organizita de la « Verda Stelo ».

⁂ Oni legis en lasta No de « Belga Sonorilo », ke la kunveno de la Komitato « Belga Ligo Esp. » submetis al la ekzameno de la grupoj proponon celantan la starigon de Esp. Akademio ekster la Lingva Komitato. La komitatoj de la grupoj de Antverpeno kaj ĉirkaŭajo longe ekzamenis la aferon, kaj, konsiderante, ke la informoj : « ke D-ro Javal fondis la Centran Oficejon por helpi senpartie la reformojn » kaj « ke tiu Oficejo agas kontraŭ la intenco de ĝia sola fondito » estas eraraj, kaj konsiderante la 14an cirk. de S-ro Boirac kaj la leteron de D-ro Zamenhof, ili esprimis la deziron, ke Esp. Akademio estu fondita de la Lingva Komitato ampleksigita, ili komisias al siaj delegitoj voĉdoni kontraŭ la propono de la Belga Ligo Esp. kaj esprimis la deziron, ke de nun tiu Komitato, laŭ la regularo, sin okupu nur pri la propagando de Esperanto.

⁂ S-ro Stas, (25, St Antonius str., Anvers), kun S-ro Chaignaux, el Parizo, intencas starigi *Internacian Asocion de Spiritistoj*. Ĉiuj interesatoj bonvolu sin turni al la supra adreso.

### Francujo

*AMIENS* (44.261). — D. : G. Queste ; VD. : E. Searle.

Esperantianoj : 17. J. Thomss, 18. S-ino Poilly, 19. Tassencourt, 20. F-ino Colleate, 21. F-ino Queste, 22. H. Bouteille, 23. F-ino Bouteille, 24. S-ino François.

⁂ La 21an de junio okazis esp. ekskurso en la famajn subterajn rifuĝgaleriojn de Naours (Nor), kiuj unue kavigitaj, antaŭ pli ol mil jaroj, por eltiri kontruŝtonojn, estis poste aranĝitaj kiel rifuĝejoj de la vilaĝanoj dum la militadoj de la XIIIa ĝis XVIIIa jarcento. La pastro Danicourt, kiu reeltrovis kaj akurate esploris la rifuĝejojn, bonvolis gvidi la vizitantojn kaj doni plej interesajn sciigojn pri la multnombraj moneroj kaj objektoj trovitaj. Malgraŭ la nebela vetero 20 gegrupanoj partoprenis la ekskurson, kaj unu el la 200 subteraj ĉambroj estas de nun nomata « ĉambro de la Esperantistoj » kaj havos surtabulan surskribajon por rememori la ekskurson.

*LE CREUSOT* (44,432).

⁂ Sabaton 18 Julio okazis festeto organizita de la grupo por adiaŭi al la ĝisnuna sekretario S-ro Bajon kiu foriras el la Creusot kaj danki la profesoron de l'vintra esperantista kurso. La delegito U. E. A. uzis la okazon por konigi al la gegrupanoj la organizon de U. E. A.

*LE PUY* (44.811). — D. : Ph. Hedde ; VD. : F. Jammes.

⁂ En Le Puy, okazis komence de julio la kongreso de la franca podetala komercistaro, kiu ekzamenis multajn gravajn demandojn nuntempajn por la francaj komercistoj. La kongreso estis granda sukceso. La 3ª komisio, post la proponon de S-ro J. Jammes, VD. de U. E. A., esprimis la deziron, ke « *la komercaj organizajoj favoru la disvastigon de Esperanto* ». Tiu deziresprimo estis prezentita al la ĝenerala agada kunveno de la kongresanoj. S-ro Barret, el Lyon, dubas pri la facilkomprenebleco de Esperanto. S-ro Jammes, aŭtoro de la propono, respondis per kelkaj precizaj ekzemploj kaj citas kiel ekzemplojn la Esperantistajn kongresojn. S-ro Barret konsentas post la rimarkoj de S-ro Jammes kaj la deziresprimo estas *unuanime* akceptita de la kunveno.

*LILLE* (44.281).

⁂ En Lille oni preparas armeon da junaj esperantistoj. Por kroni la organizadon de la pri-esperantista instruado en la unuagradaj lernejoj estas decidita ke la gelernantoj plenumos laŭvolan ĉiujaran ekzamenon. Tiu ekzameno okazis por la unua fojo la 18an de julio. — 377 geknaboj plenumis la provojn — 358 sukcesis. Ili ricevos specialan diplomon ĉe la solena festo de la premidisdonado. — Se oni deziras detalojn pri la dirita organizado, sin turni al la delegito de l'U. E. A. F. Durieux, instruisto, direktoro de la lernejo « Montesquieu », en Lille.

*PARIS* (44.361).

⁂ La *Gvidfolio* eldonita de la U. E. A. delegito estas ankaŭ ricevebla ĉe la Restoracio « A l'Esperanto », 80, rue Mazarine. Tiu gvidilo enhavas planon de Parizo, sur kiu la trapasanto trovos ĉiujn adresojn Esperantistajn utilegajn por lia restado. Tre imitinda ekzemplo.

⁂ *Esperanto-Oficejo* estas starigata ĉe S-ro Marseille, tranĉilvendisto en Paris-IX, 136, avenue Parmentier. Tie de nun oni povas ricevi aliĝilojn, gvidilojn kaj diversajn informojn, aboni, aĉeti, mendi ĉiuspecajn Esperantajojn, proponi aŭ ricevi oficon, k. c. La firmo sidas tre proksime de la urba fervojo (stacio : Republique).

⁂ *Festo* — La 19an de julio, por festi la datrevenon de Esperanto, cento da Samideanoj el Parizo kaj ĝia ĉirkaŭajo, akompanataj de kelkaj Angloj kaj Italoj, ekskursis tra Gournaj-s/-Marne. Tie ili estis oficiale akceptataj de la urbestraro, kiu plej afable preparis la festejon kaj tagmanĝis kun la gajegaj festantoj. Ĉiuj subskribis gratulan kaj fidelateston karton al D-ro Zamenhof, kaj kuraĝigan al Kvaro por la Kvara. Oni sukcesis varbi kelkajn loĝantojn, eĉ la kampogardiston, kiu de tiam ne povas eltiri siajn okulojn el la lernolibreto — kompatindaj bienuloj, kio okazos nun kun via posedajo ? — Malgraŭ la antaŭtimoj, la vetero estis tre agrabla, kaj Naturo zorgis mem pri refreŝigo de « Sekaj Faŭkoj ».

*RENNES* (44 1). — D. : D-ro Cuisnier ; VD. : V. Chauvin.

⁂ La Esperantistoj de Rennes ekskursis al St-Aubin du Corbier, loko kie ankaŭ ekzistas grupo de 85 anoj. La akcepto estis tre kora. Post promenado kaj tagmanĝo, la partoprenantoj aplaŭdis ĥorojn, komediojn, monologojn, k. c. La grupo elmontris sian dankadon al D-ro Cuisnier, D. de U. E. A., donacante al li honoran pinglon.

### Germanujo.

*BROMBERG* (43.13). — SD. : D-ro M. Kandt, Neuer Markt, 8.

⁂ La SD. de tiu urbo, por pruvi la praktikan valoron de Esperanto, petas, ke oni sendu al li plej baldaŭ la adresojn de fabrikantoj de bobenmaŝinoj por la bobenado de silko (sur la kokonoj). Tiuj maŝinoj estas fabrikataj ĉefe en Svisujo kaj Italujo. Oni sendu katalogon aŭ konigu la prezon. La Delegitoj aŭ Esperantianoj bonvolu klopodi pri tio.

*FRANKFURT-a/-M.* — D. : C. Barthel ; VD. : H Fricke.

⁂ La kvaro por la propagando en Frankfurto, intencas aranĝi postkongreson la 30 aŭg. por la

Esp-istoj, kiuj volas viziti nian urbon. La programo estas verŝajne jena : *29 aŭg.* vespere, kunveno en la sidejo de la grupo Frankfurta (paroladoj kaj kantoj) ; *30 aŭg.* : salutado de la gastoj en la stacidomo. Promenado tra la urbo ; kunveno en la hotelĝardeno ; festeno, paroladoj). Vizito de la fama palma ĝardeno. Vespera kanta kaj amuza kunveno. La karto kostos 0,50 Sm. kaj tiu ĉi pago enhavos la liberan viziton de la palma ĝardeno. La grupoj de la ĉirkaŭaĵo de Frankfurto estas pretaj partopreni al nia aranĝo. Ĉiu, kiu volas partopreni, skribu al la dirita Kvaro (Hotel Anton, Niedenau, 17), aŭ S-ro H. Fricke, Niedenau, 30.

⁂ Dum la dua *Mezzofantitago*, internacia kongreso de la lingvaj societoj kiu okazis en Wiesbaden, de la 6a ĝis la 8a de junio, oni okupis sin pri Esperanto. La precipan proponon faris la Chemnitza societo, kiu petis ke oni difinu la sintenadon de la Ligo kontraŭ Esperanto, ne akceptente en la nomita ligo societojn kiuj propagandus nur la helpantan lingvon, ĉar ili efektive okupas sin nur tre malmulte je la celo de la ligo kaj havas aliflanke sin propran organizon ; ankaŭ la izolitaj Esperantistoj povus esti akceptitaj nur en societoj de korespondado. Okazis do longa diskutado al kiu precipe partoprenis S-ro Mirz el la Wiesbaden'a Esperantistgrupo, S-ro Jährig redaktoro de la gazetto « Weltwarte », Leipzig, kaj Eismann, Weimar, kaj fine oni prenis la rezolucion, ke la Mezzofantiligo komencu amikajn rilatojn kun Esperanto sen difini kiamaniere tio povus esti farota. Tiu decido havas certe valoron por Esperanto, ĉar la Mezzofantiligo ĉiam pli graviĝas ; ĝi estis fondata en la jaro 1906 de la jurnalisto Ernst Morgenstern en Wiesbaden kaj estas nomita laŭ la fama lingvisto kardinalo Mezzofanti. La ligo enhavas nune 60 klubojn fremdlingvajn dissemitajn en pli ol 30 urboj de Germanujo, Anglujo, Francujo, Belgujo, Austrujo, Italujo kaj Rusujo kaj povas esti ankaŭ pli multe disvastigata, ĉar ekzistas pli ol 200 de ĉi-tiuj kluboj. Celo de tiuj ĉi kluboj estas la ekzercado en konversacio, korespondado, paroladoj kaj teatraĵoj en fremdaj lingvoj, kursoj dum la libertempoj, vojaĝoj por studado en fremdaj landoj. Tiel grava, kiel ĝi estas Esperanto neniam detruos la naciajn lingvojn, tio ankaŭ tute ne estas ĝia intenco, kaj tiuj ĉi gardos por ĉiam sian valoron por la vojaĝoj komerco kaj kulturo. Potenca societo kiu komprenas ĉiajn specialajn klopodojn rilate al tiu ĉi punkto havas do grandan gravecon. Esperanto kaj Mezzofantiligo havas ion komunan : ambaŭ serĉas fari internacian interkomprenilon, ili nur diferencas en la ilo por atingi tiun ĉi celon, la unua vidas tiun ĉi en helpa lingvo, dum la Mezzofantistoj volas atingi ĝin per la disvastigado de la plej gravaj lingvoj franca, angla kaj germana. Ambaŭ direktoj havas du multajn punktoj similajn kaj povas, kiam ili eniros en amikaj rilatoj, akceli unu la alian La decido de la Mezzofantigo montras ke flanke de ĝiaj membroj la komplezemo por alproksimiĝi ekzistas kaj la sukceso dependas nur de tio kion la Esperantistoj pensas pri la afero.

C. BARTHEL, D. U.E.A.

⁂ Komercaj firmoj Esp. : Hartmann & Braun, elektrinstrumentoj, k. ; Deutsche Vereinsbank, k. ; Metallurgische Gesellschaft, k. ; Frankfurter Kaufmännische Verein (Komercunuiĝo), k.

## Hispanujo

*SABADELL* (46 715). — D. : R. Martorell ; VD. : R. Graupera.

Esperantianoj : 1. R. Martorell, 2. R. Graupera, 3. J. Romen, 4. J. Piferra, 5. F-ino Soler, 6. D. Serdà, 7. I. Garriga, 8. A. Marti, 9. I. Camps, 10. A. Costa, 11. M. Molins, 12. J. Romen, 13. J. Altura, 14. B. Llado, 15. Valldeperas, 16. F. Palasi, 17. A. Lagarriga, 18. P. Ustrell, 19. M. Vila, 20. J. Sampere.

*SAN SEBASTIAN* (44.6) — D. : Perez Alcorta ; J. Garrido.

Esperantianoj : 1. E. Anibarro, 2 Ortiz de Arri, 3. Garcia Arista, 4. F-ino Gil de Montes, S-ino de Digon, 6. S. Grizar, 7. A. Digón, 8. F-ino Erviti, 9. A. Nelasco, 10. K. Ufano, 11. P. Mourlane, 12. P. Sauromá, 13 F. Aranjuelo. 14. J. Coma, 15. E. Casado, 16. J. Corona, 17. M. Estevez, 18. Y. Espinosu, 19. J. Echevancá, 20. E. Fernandez, 21. M. Urcola; 22. F-ino Zalacain, 23. F. Galilea, 24. L. Garcia, 25. A. Garrido, 26. F-ino Gil de Montes 27. F-ino S. Gonzalez, 28 F-ino P. Gonzalez, 29. S-ino Gonzalez, 30. G. Garcia, 31. M. Heredia, 32. M. Ieremboure, 33. F. Lopetegui, 34. J. Lopetegui, 35 A. Martinez, 36 M. Michelena, 37. F-ino M Michelena, 38. F-ino P. Michelena, 39. L. Mugica, 40. F. Molina.

## Rusujo.

*MOSKVO* (47.31). — D. : S. Ŝabunjeviĉ ; VD. : R. Menzel

Esperantianoj : 23. S. Kogan, 24. A. Neuport, 25. E. Hefftler, 26. S. Hefftler, 27. A. Tjapkin, 28. V. Blomarjus, 29. A. Harris, 30 K. Koĥ, 31. S. Dvojanjĉik, 32 R. Valĥ, 33. B. Beaurang, 34. A. Kremig, 35. A. Venjukov, 36 P. Karasinjski, 37. I. Meots, 38. P. Korsak, 39. S. Svjetlajev.

*TIFLIS* (47.9). — D. : D-ro Fiŝer.

Esperantianoj : 13 V. Koljubakin, 14. P. Veresov, 15. F-ino P. Tokarev, 16. A. Arumov, 17. S. Byĉkovski, 18. B. Osepjan, 19. D. Maĉeĥin, 20. S. Aldadanov, 21. K. Schröder.

## Rumanujo

*BUKAREŜTO* (40,8. III). — D. S-ro O. Haimoviĉi, str. Lipskani 80.

Esperantianoj : 1. O. Haimoviĉi, 2 D-ro Kimel, 3. H. Haimsolm, 4 L. Glasner, 5. L. Jeronym, 6. I. Kaŭfmaun, 7. N. Negoesko, 8. F-ino Suchard, 9. C. Rădesko, 10 F-ino B Mounier.

⁂ La Esper. movado en Rumanujo prenis novan grandan ekflugadon. La « Bukareŝta Propaganda Rondo „ Esperanto " » malfermis publikan kurson, dimanĉon 19 Julio f. j. en ŝtata unuagrada lernejo „ General Adrian ". Fondiĝis esper. biblioteko ; ĉiuspecaj donacoj danke akceptitaj. Ĉiulunde vespere esperantistaj kunvenoj en la sidejo de la Buk. Prop. Rondo „ Esperanto " Str. Coltei, 16. Dufoje monate gastotablo esperantista en la somerĝardeno „ La Karparti ", Bul. Akademiei, Ĉiu esperantisto Bukareŝton trapasanta estas korege invitata al la sidejo aŭ al la Esperanto-Oficejo : J. Haimoviĉi, Str Lipskani 80. La Esperantistaj eldonejoj bonvolu sin turni pri riprezentado. Oni korespondas en Esperanto.

## Svedujo

*CARLSHAMN* (48.61). — D. : O. Finstrôm ; VD. : R. Mâusson.

Esperantianoj : 1. O. Finstrôm, 2. R. Mâusson, 3. A. Gustafsson, 4. I. Svensson, 5. N. Sjögren, 6. A. Carlsson, 7. P. Olsson, 8. E. Johansson, 9. F. Johansson, 10. E. Lesseur, 11. E. Nilsson, 12. L. E. Frimodig.

*ESKILTUNA* (48.711). — D. : H. Holmstrôm ; VD. : E. Johnsson.

Esperantianoj : 1. E. Johnsson, 2. F-ino J. Lindgren, 3. R. Andersson, 4. P. Sôderholm, 5. J. Johansson, 6. C. Lindberg, 7. K. Sundvall, 8. F. Thelin, 9. M. Andersson, 10. F-ino N. Asplund, 11. L. L. Woungerecht, 12. B. Andersson, 13 G. W. Wendelius, 14. K. Wide, 15. G. D. Holm, 16. A. E. Erlandsson, 17. E. V. Lundgren, 18. J. Danielsson, 19. S. Andersson.

## Svisujo

*CHAUX-DE-FONDS* (494.432). — D. : Ch. E. Rosen.

Esperantianoj : 1. F-ino M. Grieshaber, 2. F-ino A. Morgenthaler, 3. S-ino A. Thomann, 4. S-ino Fox, 5. S-ino Quartier-Tissot. 6. F-ino A. Vaucher, 7. S-ino M. Vaucher, 8. S-ino Wolf, 9. J. Wolf, 10. M. Zeligson, 11. D-ro Bourquin, 12. R. Meyer, 13. F. Droz, 14. E. Maire, 15. F-ino L. Henchoz, 16. F-ino A. Henchoz, 17 Ch. Rosen.

*LAUSANNE* (494 45).

⁂ Dum somero S-ro Andreassian, U. E. A. delegito, forestos. Oni do sin turnu al la VD., S-ro Bussy, 2, Avenue Beaulieu. La Lausanne'a Esp. grupo havas leterujon ĉe S-ro Sack, libristo, rue Centrale, kie estas ankaŭ oficejo kaj vendejo.

# PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.** — La I. S. E. J. havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn kun certeco trovi tie korespondanton, unuvorte unuigi la Esp. juristojn de ĉiuj landoj. La jara kotizaĵo kostas 1 Sm. ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. Por ĉiuj informoj, sin turni al la Generala sekretario, S-ro Sergeant, advokato, 31, Bd Mariette, Boulogne-sur-Mer (Francujo), aŭ al la Socia Sidejo, 51, rue de Clichy (Centra Oficejo), Paris, Franco.

OFICIALA INFORMILO.

Okazos nia ĝenerala kunveno la merkredon, 19an de aŭgusto, je la 11a matene, ĉe la Teknika Lernejo (Technische Hochschule). Ni esperos ke societanoj niaj ĉeestos ĝin kiel eble plej multaj. Tie ĉi oni decidos pri la aliaj laboraj kunsidoj.

*Regularo-Nomaro.* — Ni jus sendis al ĉiuj anoj niaj la Regularon-Nomaron. Bonvolu la personoj kiuj ĝin ne ricevis sin turni al la naciaj vicprezidantoj, aŭ al S-ro Sergeant (Boulogne), aŭ Degon (Douai).

*Preseraroj.* — En la nomaro, anstataŭ M. Bokanowski, k. t. p., legu : Maurice Bokanowski, D-ro de Juroscienco, Advokato ĉe la Apelacia Kortumo, 85, Bd Malesherbes, Paris.

Bonvolu niaj anoj atente legi la nomaron kaj sciigi nin pri la aliaj preseraroj.

*Niaj artikoloj.* — Ni intencis publikigi hodiaŭ la duan artikolon pri la juĝa organizado en Usono, sed bedaŭrinde ĝi estis de la poŝto perdita. La aŭtoro, nia konata amiko Baff, bonvolis denove ĝin skribi, sed ni ricevis la manuskripton tro malfrue por ke ĝi aperu en la nuna numero. Do ni publikigas bonegan, klaran kaj plenan artikolôn pri la juĝa organizado en Francujo, kies la verkisto estas S-ro Bottin, la distinginda juĝisto kaj sindonema delegito de l'U. E. A. en Douai (Francujo), kaj kiun ĉiuj legos plezure. En oktobro aperos la artikolo de S-ro Baft.

« *Ni restos fidelaj* ». — Oni demandis al ni ĉu nia Societo estas fidela al la Zamenofa Lingvo aŭ ne. Ni ne povas kompreni tian demandon ! Ĉu en la unua artikolo de nia regularo oni ne legas ke nia Societo celas « Interrilate uzi Lingvon « Esperanto » laŭ « Fundamento » de D-ro Zamenhof kaj « Bolonja Deklaracio » kiujn nepre aliĝas societanoj ? Ĉu tio ne estas sufiĉe? Ĉu tio ne estas tre klare ? Ŝajnis al ni ke nenia dubo povis ekzisti. Ni pensas ke ne estas diversmanieraj fidelecoj kaj ke sufiĉos unufoje por ĉiam rediri : « Al nia Majstro, al nia Honora Prezidanto, D-ro Zamenhof, ni volos resti fidelaj ». Nun ni esperas ke ĉiuj komprenos.

## Esperantista Marista Ligo.

Dum la kongreso okazos kunsido de la maristoj, kies loko kaj horo estos sciigataj en Dresdeno. Ĉiuj kiuj sin interesas je la maraĵoj estas insiste petataj ĉeesti tiun kunvenon, ne forgesante ke tiu faka propagando estas tre grava por la ĝenerala disvastiĝo de nia lingvo pro la specialaj kondiĉoj de la marista vivo.

La tagordo estas jena : Raporto pri la jam ricevitaj rezultatoj ; klarigo de la projektoj de la franca komitato ; diskuto de propagandaj rimedoj.

Cetere jen estas la stato de nia afero :

En Francujo ekzistas nun, oficiale, sekcio de la Ligo kiu entenas 35 membrojn ; du vicamiraloj estas en la honora komitato. Oni devas konsideri la nunajn membrojn kiel la pionirojn de la afero kiuj ebligis per sia aprobo la ekziston de la Ligo, tial ili ne estas pli multenombraj. Nuntempe la sekcio sendas al ĉiuj ŝipoj kaj maristaj aroj cirkulerojn por klarigi kio estas Esperanto kaj peti aliĝojn. Ĝi ricevis de la maristara ministro la permeson por la militmaristoj aliĝi al la Ligo, kaj ankaŭ la permeson donaci al la bibliotekoj de la militŝipoj esperantajn librojn. Ĝi preparas liston de la konsuloj kaj agentoj de la havenurboj por publikigi kaj sendi al la maristoj dank'al Bulteneto kiu aperos pli kaj pli ofte.

En Rusujo ekzistas provizora komitato kiu sin okupas pri la definitiva fondo de nacia komitato.

Fine, la Ligo havas korespondantojn en Britujo, Bulgarujo, Danujo, Germanujo kaj Usono.

## Internacia Unuiĝo de Studentoj.

*Donaco.* — Per la bonkora afableco de la tre estimata S-ro D-ro Fraga, el Santiago, ni havis la feliĉon ricevi kiel donacon du biletojn por la prezentado de « Ifigenio ». La estraro de la I. U. S. esprimas la plej varman dankon al S-ro D-ro Fraga kaj promesas lotumi la biletojn inter siaj plej indaj membroj.

*Niaj kongresaj kunvenoj.* — Merkredon la 19an de aŭgusto grava kunsido de nia komitato je la 3a horo posttagmeze kaj ĝenerala kunveno de ĉiuj I. U. S. anoj je la 5a vespere. (Ambaŭ kunvenoj en la « Teknika Universitato », la numeron de la ĉambro oni vidos laŭ sciigo sur la nigra tabulo). — Vendredo la 21an de aŭgusto, amuza festo de ĉiuj kongresanoj I. U. S. anoj kaj iliaj gastoj je la 3a horo posttagmeze en la hotelo « Stadt Berlin », Neumarks. En la komitata kunsido ni priparolos ŝanĝojn de la regularo, k. t. p., en la ĝenerala kunveno oni elektos la novan komitaton, akceptos la raportojn de la estintaj estraranoj, k. c, kaj por la amuza festo oni preparas kelkajn ŝercajn surprizojn.

*La malnova komitato :*

Prezidanto : E. Wichert, Berlin N. W. 23, Altonalsrstr. 18. Gth., Germanujo.

Kasisto : R. Sakoviĉ, St-Peterburg, Novo Petergofskiz 18, loĝ. 4.

Sekretario : A. Vincenneux, Troyes (s. Aube), au Lycée, Francujo.

Reprezentantoj :

Aŭstrujo. — F. I. Macalik, Komorn, Hungarujo.

Norda Ameriko. — Gordon Thomson, Toronto, Crescent Rd. 143.

Suda Ameriko. — Olegario de Azenets, Rio-de-Janeiro, Str. Ouvives 85, Brazilujo.

Danujo. — M. Bliecher, Dosseringen 81 In, Kobenhaven.

Francujo. — M. Gosselin, Paris, Courbevoie, r. St-Dedis, 187.

Germanujo. — Johannes Noa, Siegburg a Rhein, Louisenstr. 90. Vicprez. : A. Schutkowki, Kolnigsberg-Pr., III Fliesstr. 38.

Granda Britujo. — Jhos. Smith, Manchester Alderley Edge.

Hispanujo. — Ant. Lamera, Bilbao, Alameda Mazarredo, 8.

Japanujo. — Suke Jamasaki, Kyoto, Medical College.

Rusujo. — P. Miĥalev, Kazan, Akademiceskaja dom Timofecvoj.

Svedujo. — Fred Shog, Falun, Kyrkobacken.

Svisujo. — F. Beck, Zürich II, Villa Ubnberg.

Turkujo. — Georg. Koeff, Constantinople Chichli, Seminarie butgarierne.

Se unu el tiuj ĉi adresoj ne plu estas ĝusta, oni estas petata skribi pri tio al nia kongreszorganto.

*Nia kongreszorganto.* — Nia nova Dresdena I. U. S. ano Erwin Heydweiler (Dresden-A., Rabenerstr. 13-I) : 1e) serĉos por ĉiuj partoprenontoj laŭ skriba peto malkarajn loĝejojn ; 2e) akceptos ĉe la akceptejo la jus-alvenintajn studentojn kaj donos al ili sciigojn pri situacio de ilia loĝejo, k. t. p. : 3e) ricevos leterojn senditajn je lia adreso al nia unuiĝo.

*Elekto de la nova komitato.* — Kiu ne povos partopreni je niaj kunvenoj, havas la rajton skribedoni sian voĉon ; tiajn leterojn oni sendu al S-ro Heydweiller.

*Aliĝo.* — 67. Stanislav Braun, Rus. Polujo, Censtoĥova, str. Dojard 11.

*Peto.* — Dum la kongreso oni vendos signojn de nia I. U. S. kaj memorigajn poŝtkartojn pri niaj unuaj oficialaj kunvenoj ; je la intereso de nia kaso oni petas mendi aŭ aĉeti kiel eble plej multe.

# Ni starigu Gastotablojn!

En la 27a no de la jurnalo *Esperanto*, (kaj pli frue ankaŭ en la *Belga sonorilo*), mi atentigis la samideanojn el ĉiu lando pri la grava praktika utileco de Esperantistaj gastotabloj.

Nun mi estas feliĉa sciigi ke la ideo jam ekradiis, progresis kaj sukcesis ! Efektive, el diversaj urboj alvenis novaĵoj pri starigo de gastotablo. Do antaŭ ne longa tempo la vojaĝantaj Esperantistoj povos viziti ĉiun civilizitan landon kun la certeco, ke ĉie iu gastama grupeto deziros al ili koran bonvenon kaj gajigos ilian viziton.

Tamen, ĉar unuflanke multaj samideanoj ankoraŭ scias nenion pri tiu novaĵo, aliflanke vojaĝantaj gasttablanoj raportis pri la ekzisto de nekonataj gastotabloj, kaj precipe, ĉar la ideo pruviĝis ankoraŭ pli fertila ol mi mem unue povis antaŭvidi, oni permesu al mi iomete ripeti kaj pli detaligi la proponon.

Jen kelkaj simplaj principoj por la starigo kaj la funkciado de gastotablo :

1o Du, tri, kvar aŭ multaj Esperantistoj samurbanoj *ekkunvenu regule*, almenaŭ unu vesperon ĉiusemajne en bone konata trinkejo en la centra de la urbo. Ili sciigu tiun novaĵon al aliaj samideanoj, ankaŭ al la redakcio de tiu ĉi jurnalo aŭ al mi, komunikante la tempon de la kunvenoj. Ili ekesperantistigu la trinkejestron kaj la trinkĉambregon. Pli malfrue, ĉiu adresaro aŭ jarlibro Esp. plezure komunikos la nomaron de la gastotabloj.

2o La gastotablanoj *nur interparolu Esperante* (laŭbezone sub la kondiĉo pagi malgrandan monpunon po ĉiu ideo ne esprimita en la helpa lingvo) pri urbaĵoj, landaĵoj, nunaĵoj, legitaj libroj kaj jurnaloj, spritaĵoj, k. t. p. ; unu kompetenta gastotablano povus gvidi, riĉigi, korekti. Ili *laŭte kaj sentime* parolu, por atentigi la neesperantistajn klientojn de la trinkejo pri la ekzisto, la parolebleco kaj la bonsoneco de nia lingvo (kiun la gastotablanoj iom post iom nepre pli bone parolos).

3o Ili *kore ricevu* en tia Esperantista hejmo ĉiun vojaĝantan samideanon kaj informu lin laŭbezone.

4o Ili *korespondu* kun la vizitintoj kaj aliaj gastotabloj.

5o Ili *organizu* gastotablajn festetojn, festenetojn koncertojn, ekskursojn al aliaj gastotabloj, intergasttablajn festojn, k. t. p.

Car oni nun kuraĝe ekdisvastigas Esperanton inter la maristaro, mi insiste rekomendas la starigon de gastotabloj en havenurboj. Tial la novaĵo pri la naskiĝo de nova gastotablo en Bilbao, en granda bela trinkejo, kaŭzis al mi tiom da plezuro. Tiea gastotablano, S-ro Isauro Alvarez raportis, sur bela esperantistigata leterpapero de la hotelo, pri la esperantistiĝo de la kafejmastro, S-ro José Dapena, pri belega verda stelo, pentrita sur granda ĉambrega spegulo, ĉirkaŭigita supre kaj malsupre de la legaĵoj : *Esperanto — Helpa lingvo internacia — Kunvenejo de la Esperantistoj — Gastotablo*, pri 18, 20 regulaj gastotablanoj, k. t. p.

Kaj por tuj praktikigi tiun novan gastotablon, ni jam povis informi niajn hispanajn fratojn pri la okazontavizito de nia antverpena gasttablano, la maro oficiro S-ro Sp... Kun kia plezuro niaj bravaj maraj Esperantistoj vizitus tian gastotablon, tian fratan hejmon, en ĉiu haveno, kie ili haltas dum siaj longaj vojaĝoj !

Jen do la pruvo, ke Esperanto povas ĉesi esti nur teorio aŭ poezia revo ! Jen la pruvo de ĝia estonta venko, per la forto de ĝia pratikeco !

FRANS SWAGERS,
*Esp. gastotablo, Hotelo Stein, av. de Keyser, Antverpen'o.*

⁂

### Nomaro de la Esperantistaj Gastotabloj.

FRANCUJO : *Parizo*, Café Soufflot, boulevard St-Michel, vendrede 10 h. — *Parizo*, Café de l'Univers, 159, rue St-Honoré, merkrede 8 h. ½. — *Tours*, Grand Café, 54, rue Nationale, vendrede 8 h.

ANGLUJO : *Manchester*, Trafford Arms, Alderlej Edge, merkrede.

GERMANUJO : *Leipzig*, E. Fröhlich, 30-I. — *Radebeul* (Saksujo), Leipziger str., merkrede 8 h. — *Radebeul*, Moritzburger str. 1, sabate 8 h.

HISPANUJO : *Bilbao*, 16, Arenal, Café del Comerco.

BELGUJO : *Antverpeno*, Hotel Stein, Av. de Keyser, sabate 10 h. — *Antverpeno*, café Zomerhof, Pl. de l'Aurore, sabate 9 h. — *Berĥem'o*, Café Limburgia, merkrede 9 h.

SVISUJO : *Genevo*, Kiosko Bastions, jaŭde 9 h.

## KORESPONDAĴOJ

Bois-le-Roi, la 7an de julio 1908.

Estimata Sinjoro,

La « deklaro de Antido », kiun vi publikigis la 1an de julio, postulas respondon, kiun mi petas vin enpresigi en la plej proksima numero. La rezonado de Antido estas vere stranga : li ŝatis la projekton de Ido, kiam li ne konis ĝian aŭtoron ; sed de l'momento kiam li scias, ke tiu aŭtoro estas S-ro de Beaufront, la projekto valoras nenion plu je liaj okuloj ; ĉu tio estas la mentala sintenado de scienculo, aŭ sciencisto ? Tute kontraŭa estis la konduto de nia Komitato. *Neniu el ĝiaj membroj sciis, kiu estas Ido, kaj neniu eĉ deziris scii tion* : ĉu oni povis pli bone pruvi, ke tiu projekto estis « senpartie ekzamenita kaj akceptita de la Komitato ? »

S-ro de Saussure permesas al si diri, ke la « aperigo antaŭ la Komitato de la advokatoj de aliaj lingvoprojektoj... estis kvazaŭ komedio, ĉar tiuj projektoj estis antaŭkondamnitaj... » jes, eble, en la mento de kelkaj Esperantistoj, kiuj riproĉas nun al nia Komitato, ke Esperanto ne estis « antaŭakceptita » sen ia ekzameno kaj kritiko. Tio ja estus estinta « komedio » ; sed ĝi ne estus estinta inda, nek de la Delegitaro, nek de la sciencistoj, kiuj kompozis ĝian Komitaton. Tamen, tio estas la sola kaj vera riproĉo, kiun faras al ĝi S-ro de Saussure kaj liaj amikoj.

S-ro de Saussure akuzas min esti kunlaborinta kun « Ido », tial ke « Ido » alprenis la regulojn de devenigado proponitajn de mi. Sed, unue, mia *Etude sur la derivation* ne aperis « 3 semajnojn antaŭ la kunsidoj de nia komitaton, sed en komenco de aŭgusto, dum la kongreso en Cambridge, kie D-ro Zamenhof kaj aliaj Esp. ĉefoj ricevis ĝin. Due, ĝi estis prezentita al ĉiuj Esperantistoj, por ke ili libere profitu tiun kritikon tute amikan kaj bonvolan ; unu el ili profitis ĝin ; mi sola povus plendi pri tio, se tio ne estus kontraŭe konforma al mia intenco. Trie, por povi alpreni tiujn regulojn (cetere eltiritajn el la principoj implikitaj en Esperanto), oni devas ilin kompreni kaj aprobi, t. e., esti kapabla ilin « elpensi » memstare. S-ro de Saussure « alegas » la fakton, ke S-ro de Beaufront kaj mi estas l'aŭtoroj de la vortaroj de la Delegitaro. Li simple forgesas, ke ni estas ambaŭ membroj de la konstanta Komisio elektita de la Komitato, *per unuvoĉa decido*, « por studi kaj fiksi la detalojn de la lingvo alpreninda » ; ke tiu konstanta Komisio estis komisiita de la Komitato por efektivigi la reformon de Esperanto « laŭ la direkto difinita per la konkludoj de la raporto de la sekretarioj kaj per la projekto de Ido » ; ke tiu decido estis ankaŭ voĉdonita *unuvoĉe* aparte de S-ro Moch, riprezentanto de S-ro Moirac ; ke li per tio mem konfesis la superecon de la projekto de Ido je Esperanto, kaj kondamnis la primitivan Esperanton (« neniu el la lingvoj ekzaminitaj povas esti alprenata « bloke » kaj sen modifoj », diras la sama decido). Se tio estis vera, kiam oni ne konis la personon de Ido, kial tio ne estus plu vera, nun kiam oni konas ĝin ? Ĉiuokaze, la riproĉoj de S-ro de Saussure devas sin turni al S-roj Boirac kaj Moch, ne al ni.

Fine S-ro de Saussure riproĉas al S-ro de Beaufront kaj al mi, ke ni kontraŭstaris la projekton de S-ro Jespersen. Tio estas ja « kulmino » ! Ĉu S-ro de Saussure preferus, ke la Komitato estus akceptinta tiun projekton, kiu estas, teorie almenaŭ, pli simpla kaj regula ol Esperanto ? S-ro de Saussure estas tiel okupata de antaŭjuĝoj ke li faras krimon al ni... esti defendintaj Esperanton, almenaŭ la principojn de Esperanto, kontraŭ la tro justaj kritikoj de tre kompetentaj lingvistoj ! Li forgesas ankaŭ, ke ni (kun S-ro Jespersen kaj S-ro Moch) batalis kontraŭ la ideoj tro sistemaj kaj radikalaj de S-roj Ostwald kaj Baudouin de Courtenaj (1) pri la fonetika ortografio. Se la ideoj de S-ro Ostwald kaj S-ro Baudouin de Courtenaj, kies nomojn oni nun eksplotas perfide, estus venkintaj, tio estis ja la morto de Esperanto ! Ĉu S-ro de Saussure preferus tion ? — Fine, la fakto ke S-ro Jespersen voĉdonis kontraŭ sia propra propono montras, unue, la laŭdindan senpartiecon kaj

(1) Kiuj, laŭ liaj propraj vortoj, « renversis » lin.

konsciencon de tiu granda scienculo; due, kiom la defendantoj de Esperanto devis batali en la Komitato, por « obteni » la decidon favoran « principe » al la kara lingvo. La sciencistoj cedis multajn de siaj teoriaj postuloj; la « Esperantistoj » devis ankaŭ cedi multon kaj akcepti la deon de necesa reformo. Sed tiuj ĉi... forgesis ĉion tuj post la disiĝo de la Komitato. La Esperantistaro juĝos severe ilian konduton. Konklude: ĉiuj faktoj aluditaj de S-ro de Saussure refutas lin, kaj pruvas la senpartiecon de nia Komitato kaj saĝecon de ĝiaj decidoj.

Ricevu, estimata Sinjoro, la esprimon de mia antaŭa danko.

Louis COUTURAT.

***

### Respondo de Antido.

1e) Mi neniam « ŝatis la projekton de Ido » kaj deklaris de la komenco en mia broŝuro: « La celo de tiu projekto ne estas reformi Esperanton sed montri la *maksimumon de la koncedoj*, kiujn la Esperantistoj povus akcepti. Krome tiuj *koncedoj* estis proponataj nur en la okazo se interkonsento iĝus farebla inter nia Lingva Komitato kaj la Delegitara Komitato. »

2e) S-ro Couturat, por kontraŭdiri mian aserton laŭ kiu li kunlaboris kun S-ro de Beaufront antaŭ la kunsidoj de la Delegitara Komitato diras ke lia « Etude sur la derivation » ne aperis 3 semajnojn antaŭ tiuj kunsidoj sed en komenco de aŭgusto. Ekzistas tamen por respondi mian aserton multe pli simpla rimedo, kiun li ne uzis; tio estas skribi klare: « Mi ne kunlaboris kun S-ro de Beaufront antaŭ la kunsidoj de la Delegitaro » kaj subskribi per sia nomo.

3e) Koncerne la rimarkoj pri S-ro Moch, mi ne povas respondi, ĉar mi ne konas la personajn opiniojn de S-ro Moch kaj ne estas komisiita por reprezenti ilin. Cetere S-ro Moch klarigis sian sintenadon per aldono al la « *Compte rendus des travaux du Comité* ».

4e) Mi ne zorgas scii ĉu estus estinta pli favora aŭ pli malfavora por Esperanto, se la Komitato estus akceptinta aŭ malakceptinta la ideojn de S-ro Jespersen aŭ de S-ro Ostwald. Ĉiu homo havas la rajton havi sian propran opinion; mi nur zorgas scii ĉu la juĝo de la Del. Komitato estis farita laŭleĝe kaj ĉu la faktoj estis prezentitaj laŭvere al la Komitatanoj. Mi konstatas ke S-ro Couturat konkludas sian leteron per tiu rimarko: « ĉiuj faktoj aluditaj de S-ro de Saussure refutas lin », kvankam li eĉ ne diris *unu vorton* en sia respondo pri la plej grava fakto aludita en mia deklaro: « La lingvo de Zamenhof konita sub la nomo Esperanto, havis neniun advokaton antaŭ la Del. Komitato; aŭ pli bone ĝi havis la plej danĝeran advokaton, ĉar li ŝajne defendis Esperanton sed fakte, trouzis la konfidon de Zamenhof kaj de la Esperantistaro kaj klopodis anstataŭigi Esperanton per sia propra anonima projekto, *lasante kredi* (laŭ fama formulo) al la Komitato ke la Esperantistoj tre deziras la reformojn proponitajn de Ido. Kompreneble je tiu ĉi epoko la Komitatanoj havis nenian pravigon dubi la vorton de homo, kiu reprezents Zamenhof mem.

René de SAUSSURE.

## En Dresdeno, ĉiuj Samideanoj ĉeestu la Kunvenojn de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

*17 Aŭg. — Solena Malferma Kunveno.*

Akcepta parolado de S-ro H. B. Mudie. — Parolado de S-ro H. Hodler pri U. E. A., ĝia celo, ĝia signifo, ĝia agado. — Respondo de D-ro Zamenhof.

*19-21-22 Aŭg. — Laboraj Kunvenoj.*

La Delegitoj, Subdelegitoj, Konsuloj, k. a., de U. E. A. havos specialan lokon. La publiko estas kore invitata.

*La precizaj horoj kaj kunvenejoj estas konigataj per speciala programo disdonota en Dresdeno kaj per la kongresa gazeto.*



## AL NIAJ LEGANTOJ

**La proksima N° de « Esperanto » enhavonta detalan raporton pri la Dresdena Kongreso kaj la kunvenoj de U. E. A. aperos la 31an de Aŭgusto je ses paĝoj.**



## ANONCETOJ

### TARIFO

*Korespondado.* — Ĉiu enskribiĝo kostas 30 spesdekojn (fr. 0.75; 7 d.; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj; la litero L. montras korespondadon per leteroj; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj kaj proponoj.*— Ĉiu linio (40 literoj) kostas 10 spesdekojn (fr. 0.25; 2 ½ d.; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40; 4 d.; m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO. — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, ĉu al nia administrejo, ĉu al niaj lokaj agentoj aŭ al la Esperanto-Oficejoj. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ĉiu anonceto, ne akompanata de monsendo, ne estos enpresata. La Esperanto-Oficejoj estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

***

### Korespondado

*Winterthur* (Svisujo). — S-ro A. Köppl, Obergasse, 14. L. PK.

*Aïdin* (Azia-Turkujo). — S-ro John M. Mathewdakis. L. PI.

*Sabadell* (Hispanujo). — S-ro J. G. Jo, San Quirico, 58. PI.; S-ro J. Villardel, Poniente II. PI.; S-ro Petro Oriach Sola, Calderon 51, (kun neeŭropanoj, nek amerikanoj); S-ro Saullehi, str. Rambla. PI.

*Leicester* (Anglujo). — S-ro A. Allen, 60, Buller Rd. PK.

*Osnabrück* (Germanujo). — S-ro V. Zampasšký, Johannismauer, 25. PI. (kolektas aforismojn).

*Frankfurt-a/-M.* (Germanujo). — S-ro A. Schütze, Jordanstr. 65-I. PM. (precipe antikvaj francaj PM.).

*St-Peterburgo* (Rusujo). — S-ro N. Miĥajlov, Vozdvijenskaja ul. 4. PI

*Dresdeno-N.* (Germanujo). — S-ro Hugo Bär, Wiesentorstr. 11. PI (vertikalaj).

*Budapest* (Hungarujo). — S-ro J. de Bulyovsky, VI Nagymezö 12. PI. PM.

*St-Mariaburg* (Anvers-Belgujo). — S-ro F. Willemsen, II Marialei. PI; S-ro J. Post. PI.; S-ro J. Van den Eynde. PI.

*Dresden-A* (Germanujo). — S-ro Ervin Heydweiller, 14, Rabenerstr. PI.

*Praha-I* (Aŭstrio-Bohemujo). — S-ro Jindrich Cihák, Bartoloměјská ul. č. 1. PI.

*Bilbao* (Hispanujo). — S-ro Santiago Castsoviejo, Campo Volantin, 13. PM. PK.

*Odense* (Danujo). — S-ro Jespersen, Vindegade, 95; L. H. Olsen, Thorsgade, 72.

*San Sebastian* (Hispanujo). — S-ro Pablo Sanromá, Palacio de Bellas Artes. PI.

*San Sebastian* (Hispanujo). — Kelkaj anoj de l'Centro Catolica. PI.

*Braddock* (Usono-Pa). — S-ro John M. Clifford, 401, Library Str. PI. L.

*Varsovio* (Rusujo). — S-ro M. Czerwinski, Str. Marszatkowska, 68. PI.

### Petoj & proponoj

**Grava avizo.** — *Ĉiu samideano trairanta Parizon estas tutkore akceptata en la jenaj kaj vivplenaj kunvenejoj de la Pariza Grupo: ĉiuĵaŭdon vespere, kafejo Béranger, 180, rue du Temple, — ĉiumardon vespere, Popola Biblioteko, 178, rue de Flandre.*

# FELIETONO

## KION ESPERANTO BALDAŬ FAROS

Al dro BACKHEUSER.

— Johano, al mi demandis iam unu el miaj samideanoj, ĉu vi scias kie estas nia amiko Paulo?

— Jes, li vojaĝas.

— Kiel? ĉu li vojaĝas? kien li iras?

— Jen tre kurioza historio! Mi ĝin rakontos:

***

— Certe vi jam scias ke mi de longe interkorespondas esperante kun multe da fremdaj gesamideanoj. Precipe la sinjorino L. Janow, de ... ofte skribis al mi, kaj longatempe ni interŝanĝis vidajojn de niaj landoj. Tial mi kutimiĝis je ŝi, kaj en miaj lastaj poŝtkartoj mi sentime ŝin traktis « Estiminda samideanino » aŭ « tre estimata sinjorino », k. t. p.

Iam mi ricevis longan leteron de tiu ĉi esperantistino. Ŝi diris ke ŝia plej granda deziro estis viziti Brazilujon, sed nesciante la portugalan lingvon, ŝi bedaŭrinde ne povis ĉi tien veni. « Tio nenion malebligas, mi tuj respondis letere, ĉar se vi parolas esperante, la portugala lingvo iĝas senutila. Venu do, esperanto sufiĉos ».

Tion skribinte mi tute ne esperis la grandan surprizon kiun al mi kaŭzis post unu monato, la ricevo de alia letero sendita de ŝi. Jen pli malpli kion diris mia korespondantino:

« Kara amiko kaj samideano »

« Ricevinte hieraŭ vian leteron, kiu tre min ĝojigis, mi tuj decidis efektivigi kiel eble plej baldaŭ mian malnovan deziron. Antaŭ tri tagoj mi foriros, kaj eble dum la estonta monato mi povos elŝipiĝi en Brazilujon. Esperu min je la vaporŝipo « *Amazon* ». La verda steleto, kiun certe vi uzadas kiel bona esperantisto, estos nia interkonatigilo. Ĝis baldaŭ, do ».

Tre bone! mi diris; kion nun mi devas fari? Vere, eksterordinaran ideon mi havis kiam mi skribis leteron invitante s-inon Janow!

Kun sincera bedaŭro pro mia malprudenteco, mi pasigis la tutan tagon pri pensante la aferon, sen trovi ian solvon. Ĉar (mi forgesis klarigi tion) tiam mi ne sciis ankoraŭ paroli, sed nur skribi esperante. Jen la kaŭzo de la nedirebla embaraso kiun kreis la proksima vizito de mia « tre estimata samideanino ».

Ĉiutage mi legis la tiamajn gazetojn por scii kiam okazus la alveno de l'*Amazon*. Fine mi trovis la jenan telegramon de Lisabono: « Angla vaporŝipo *Amazon* foriris hieraŭ; ĝi iras Rio'n ».

Jen ŝi venas! mi pensis teruriĝita; kaj mi ankoraŭ ne sciis kiamaniere ŝin ricevi, ĉar malgraŭ mia deziro, mi tute ne povis interparoli kun ŝi. Iafoje mi ekkriis, kvazaŭ Arĥimedes « Eureka »! Bonega ideo! La diablo kunportu la fremdulinon; mi ne serĉos ŝin, kaj poste mi diros, eĉ ĵuros, ke mi neniam estis ricevinta ŝian lastan leteron.

Kvankam mi havis ĉi tiun intencon, la fremdulinafero tre ĝenis min. « Certe, (mi pensis interne) ne nun trovante, ŝi serĉos ian hotelon; tie iuajn povas ŝin gvidi ĝis mia loĝejo, ĉar malfeliĉe ŝi konas mian adreson, kaj la maltrankvileco revenis.

Post kelkaj tagoj mi legis en jurnalo: « *Amazon* eniros morgaŭ; ĝi kun portas ĉi tien multe da gevojaĝantoj ». — La malbenita vaporŝipo! mi diris: kial ĝi ne pereis sub la ondaro, kial ĝi ne bruliĝis dum la vojaĝo, kun sescent demonoj!!

Guste en tiu tago, nokte, mi renkontis nian amikon Paulo'n, kiu estas fervora esperantisto, kiel vi bone scias. Ree mi ekkriis, kvazaŭ Arĥimedes: « Eureka »! Bonega ideo! Paŭlo povas min savi.

Mi rapidis al li:

— Bonan vesperon, Paulo! mi bezonas, mi bezonegas interparoli kun vi!

— Jen mi preta por aŭdi, li respondis. Kion vi volas?

Mi rakontis detale ĉion; Paŭlo ridegis je mia embaraso.

— Nun diru kion vi intencas fari. Ĉu mi estos iom utila?

— Sendube! Jen mia lasta ideo: Vi Paŭlo kiu korekte kaj elokvente parolas internacie, estos morgaŭ ricevonta la fremdulinon anstataŭ mi.

— Anstataŭ vi?

— Jes! Kial ne?

— Ŝi suspektos...

— Neniel! ŝi ankoraŭ ne konas mian vizaĝon. Mi donos al vi ŝiajn leterojn kaj poŝtkartojn. Vi ŝin ricevos, trairos kun ŝi la tutan urbon, montrante precipe niajn belegajn aleojn kaj promenejojn; fine, vi lasos ŝin en la hotelo.

— Mi do devas ludi vian rolon, donante al ŝi vian nomon anstataŭ la mia?

— Kompreneble. La afero ŝajnas tre facila, ĉu ne vere?

Post longa interparolado pri l'alveno de S-ino Janow, ni disiĝis.

La sekvantan matenon *Amazon* eniris majeste nian havenon. Bedaŭrinde mi ne povis vidi la elŝipiĝon de mia korespondantino, nek la ricevon faritan de Paulo, ĉar neatendita grava malsano min atakis, kaj eĉ preskaŭ la morto min kunportis. Post ok aŭ dek tagoj, (feliĉe!) la febro, la suferado kaj la kuracistoj foriris; mi resaniĝis, kaj serĉante Paulo'n, nenie mi lin renkontis. Kelkaj amikoj diris ke li ofte estis vidita promenante aŭtomobile kun nekonata sinjorino.

Fine, mi ricevis hieraŭ leteron kiu klarigis ĉion. Jen ĝi estas:

Bahia, la . . . . . . .

Estimata amiko!

« Unue, dankojn je via mirinda ideo! De nun, vidu tion, kio okazis:

Laŭ via peto, mi vin anstataŭis, ricevis S-inon Janow kaj trairis kun ŝi la tutan urbon, montrante niajn novajn aleojn, promenejojn, k. t. p. Dume, ni multe interparolis (esperante, kompreneble). Baldaŭ mi rimarkis ke mi sendube plaĉis al ŝi, kaj ke mia babilado fariĝis iom post iom tre interesa. S-ino Janow estas maljuna angla vidvino, tiel ridinda, tiel malbela, ke multe da personoj haltis teruriĝitaj en la stratoj por pli bone ŝin vidi; ŝia alteco kaj maldikeco igas ŝin simila al telegraffosto; plie ŝi uzas falsajn hararon kaj dentaron; ŝia nazo faras ombron, kvazaŭ nia Pano da Sukero[1]). Parolante, S-ino Janow kriadas pli ol ĉiuj diabloj kune.

Malgraŭ ĉio (kara amiko, pardonu min)! ŝi ankaŭ plaĉis al mi, ĉar... ŝi havas nekredeblan riĉecon, domojn, terposedajojn, k. t. p. Kion fari? Dum la unua tago mi estis ĝentila; dum la sekvanta, ĝentilega... Fine, tre kortuŝita, mi ŝin sciigis ke, venkita de ŝia mirinda beleco, mi ŝin amis freneze. S-ino Janow svenis pro la surprizo kaj ĝojo...

Videble, ŝi jam konas mian veran nomon kaj la kaŭzon de via anstataŭigo. La aventuro ankoraŭ pligrandigis ŝian kontentecon, ni de nun estas gefianĉoj kiuj iras Anglujon, kie okazos, kiel eble plej baldaŭ, nia edziĝo ».

Dank'al esperanto kaj al vi, kara amiko, mi estos feliĉa! Adiaŭ!

Via sincera amiko kaj samideano Paŭlo

J.-B. MELLO-SOUZA, Brazil.

[1]) T. e. granda ŝtonmonto, unu el la naturaj kuriozajoj de la brazila ĉefurbo.

FELIETONO DE "ESPERANTO" 4

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

Kiam la virino post kelka tempo revenas en sian ĉambron, nenio restis krom tiu ĉi ĝojo. Trankvila kaj kontenta ŝi enlitiĝas, trankvila kaj kontenta la duan tagon ŝi leviĝas kaj komencas tiun tagon kun la nova espero, kiun ŝi hieraŭ vespere ankoraŭ akiris pri sia filo.

Georg Andermatt ree kaj ankoraŭ estas tie ĉi. Kiam iu vidas, kiel efektive do ĉiuj peno kaj laboro, kiujn la patro devas porti, ankoraŭ ĉiam kuŝas sole sur ties ŝultroj, tiu povas miri, ke Georg vere estas tie ĉi, kaj kiam la sama homo povus vidi, kiel malmulte Georg havas la intencon, preni sur la propran dorson, kio la patro portas, tiam li denove povas miri, ke tiu, kiu sin opinias videble nur kiel gasto de l'domo, ankoraŭ ĉiam tie ĉi *restadas*. Estas ja vere, jam dufoje Georg al sia patrino malgrandiĝis lignon, kelkafoje li plenan posttagmezon segis lignon antaŭ la domo, du-, trifoje li estis nokte nur la brutaron, anstataŭ la patro, sed krom tio li rimarkinde ofte iras en sia dimanĉa vestaĵo, ĉiam li konas jan konatulon aŭ parenculon ie en la ĉirkaŭaĵo, kiun li ne vidis kiun li unufojon devas viziti. Tobias kaj Balbino ĝis nun vidis tion; en la unua tempo ili komprenis, ke la filo volas ĝui en ripozo la hejman reestadon; poste ili komencis miri, ke li ĉiam povas vagi ĉiutage; nun ili jam komencas levi la kapojn, kolere pripensante, ĉu la filo ne baldaŭ pliboniĝos. Balbino pri tio diras la unuan vorton al sia edzo, per kio ŝi esprimas sian nekontentecon. « Tiel ne povas resti pli longatempe! Li decidu kion li volas, ĉu resti ĉi tie kaj labori kun ni, ĉu reveturi en Amerikon, kie li forlasis *sian* laboron! »

Tobias nur tiun ĉi ekpuŝon bezonis. La venontan matenon dum manĝado, al kiu Georg venas en dimanĉa vestaĵo, la patro, peze, la brakojn apogitajn sur la tablon kaj enpeciganta panon en la kapralakton, ekdiras: « Kien vi ree volas iri hodiaŭ? »

« Al la kuzo en Oberalpen mi suprentros », Georg rediras laŭte, kvazaŭ minacante. La komencantan senkontentecon de la gepatroj li bone vidis, li tion ekkonis el rigardoj kaj signoj kaj nun li povas aŭdi ĝin el la vortoj de l'patro.

« Tio ne povas daŭri tiamaniere, mi opinias, tiu ĉi nelaboremo », la patro aldiras.

Georg sin apogas malantaŭen en la seĝon, unu manon li ŝovegas sur la tablon, la alian en la poŝon. Lia vizaĝo brilas, kvazaŭ certa embaraso elpuŝas la ŝvitaĵon el lia haŭto. Sed la kolero en li kreskas. « Kiel? » li diras malrapide kaj peze, « Estas mia mono, mi opinias, kiun mi uzas. »

Pri tio, li estas prava. Verŝajne li gajnis multe da mono en Ameriko; ĉar li ĉiam havas propran, kvankam li videble ne agas ŝpareme.

Balbino ĝis nun silente sidadis apude. Nun ŝi per la dekstra kunviŝas la panerojn de la tablo en la kavernitan maldekstran manon kaj ĵetas ilin en sian malplenan tason. Poste ŝi diras per sia malrapida bonepripensa maniero: « Tio povas esti tia aŭ alia, sed necesas, ke vi nun intencu labori. Al neniu konvenas tiel longatempe nelabori. »

Ŝia severa, prudenta kaj trankvila parolo pli incitas Georg ol la vortoj de l'patro. Subite li ekstaras, ĵetegas la seĝon sur la tablon kaj aldonas fiere kaj malĝentile: « Mi faras kion mi volas! » Tiam li per tri longaj paŝoj forlasas la stubon.

La restintoj, inter kiuj ankaŭ estas Lene, dum momento nenion diras. La patro finas sian manĝadon, Balbino silente forportas sian kaj la filan tasojn; Lene sidas silenta kaj pala en sia angulo, poste Balbino unue retrovas la parolon. « Li fariĝas tre ĝentila », ŝi diras per mallonga, mallaŭtigita voĉo.

« Atendu, atendu nur », murmuras la patro, minace memoras kiel li ĉiam estis estro en la domo kaj estas decidita ke li ankaŭ al Georg instruos ordon.

Lene estas tiel pala ke eĉ ŝiaj lipoj estas senkoloraj. Estas strange, ke nek Tobiasnek Balbino atentas pri tio. La knabino sentas strangan, tremigantan timon, kvazaŭ subita danĝero minacas la domon. Karese li ĉiam kondutas je ŝi. Antaŭhieraŭ li ekkaptis en la malluma koridoro kaj volis kisi ŝin; ŝi hontas, ne povas toleri lin, kiu do estas la frato de ŝia patro. Kaj nun ŝi kredas esti devigata, diri tion tuje ĉi tie, ĉe la tablo, al la geavoj. Sed ŝi ne povas diri eĉ unu vorton; honto kaj timo malhelpas ŝin.

La gemastroj finis sian interparoladon kaj komencas sian taglaboron. Tial ankaŭ Lene komencas labori. Sed ŝia koro frapas. Oni havos malpacon vespere, kiam Georg revenos.

La vespermanĝon Georg ne ĉeestas. Nur kelkatempe pli malfrue Georg eniras per laŭta, sed bonece kontenta konduto en la stubon; ŝajnas ke li ankaŭ gaje trinkis iom pli ol konvenas al li.

« Ĉu vi ankoraŭ volas manĝi! » demandas lia patrino, kiam li pendigas la ĉapelon ĉe la najlo.

« Ne! » li respondas per ia koreco, « oni sufiĉe regalis min en Oberalpen. »

Nur kiam li volas sidiĝi, eble por rakonti kion li faris la tutan tagon, li ŝajnas atenti ke io en la stubo ne estas en ordo. Li silentas, streĉas la belajn ruĝblankajn lipharojn kaj ridas malamike.

La patro sidas kaj okupiĝas pri sia pipo. Li pikadas en ĝi kvazaŭ la vivo dependas de ĝia brulado kaj ne rigardas Georg. Lene legas en ia libro, kelkafoje levas la helajn okulojn kaj kaŝe rigardas al Georg. Balbino flikas jakon de sia edzo. Silento peze etendiĝas en la stubo. Balbino rompas ĝin. Sur ŝin falas la plena lumo el la ĉe la plafono pendanta lampo. Ŝia elefantostkolora vizaĝo kun la blanka verto kaj la tute nigraj brovoj estas kvieta kaj senmova. Tute trankvile ŝi ankaŭ diras: « Vi povas iri en via ĉambron, Lene. » Sed laŭ la sono Georg povas sciiĝi, ke la gepatroj intencas diri ion al li.

La knabino obeeme ekstaras kaj eliras. Kiam la pordo fermiĝis post ŝi, Tobias ekstaras, metas la pipon sur la tablon kaj postenas sin antaŭ Georg. Li estas senjaka, liaj pezaj manoj pendas ĉe la flankoj. Kvankam lia supra parto de l'korpo estas taŭen klinigas, la griza kapo preskaŭ tuŝas la plafonon. « Hodiaŭ tagmeze vi al mi respondis iom tro maldelikate, mia kara », li diras.

(*Daŭrigota*).